# LITERATURA MONDO




TRIA JARO, TRIA NUMERO BUDAPEST MARTO 1924

RESPONDA REDAKTORO: DRO TEODORO SCHWARTZ. REDAKTA KOMITATO: JULIO BAGHY, KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ

KUNLABORANTOJ: LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLÓV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FERMO) JAN VAN SCHOOR (ANTVERPEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLEN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), PAULO VARSÁNYI (BUDAPEST), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J. JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), JULIO WERNER (BUDAPEST), ZANONI

# ABONU ABONIGU PROPAGANDU VERKU

**PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN

**EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:**

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 11 Kleine Hondstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉeĥoslovakujo:* Otto Sklenčka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Germanujo:* J. Major, Oldenburg i. P. Damm 33 Raabe.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelngasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!

**TRE URĜA!** *KARA LEGANTO.* **TRE URĜA!**

Ni ĵus informiĝis, ke la *American Radio Relay League* (Sek.: K. B. Warner, Hartford, Connecticut, U. S. A.), kiu estas la plej grava amatora radio-organizaĵo en Usono, dum kelka tempo pristudis la demandon pri internacia lingvo por Radio. Oni diras, ke la Ligo konsideras aliajn internacilingvajn skemojn krom Esperanto kaj deziras scii la komparan disvastiĝon de ĉiu.

Ĉar estas plejnecese, ke la pretendo de Esperanto, kiu estas ne nur la plej taŭga, sed ankaŭ la plej vaste uzata el ĉiuj internaciaj lingvoj, estu konvinke prezentata antaŭ la Ligo, ni forte proponas, vi *tuj* skribu al s-ro Warner je la adreso ĉi-supra, sciigante lin pri via intereso pri la temo Esperanto kaj Radio, citante vian sperton pri la utilo de Esperanto kaj dirante, ke viaopinie Esperanto estas la *sola* lingvo konvena por internacia radiado, kaj ke neniu alia estus akceptebla por vi. Instigu al viaj amikoj, kiuj estas interesitaj pri la temo, ke ili ankaŭ skribu aparte laŭ sama senco.

Ni petas, petegas, ke vi ne preteru ĉi tiujn liniojn, pensante, ke unu letero pli-malpli ne faros multe da diferenco, sed ke vi *skribu nun*. Ankaŭ sendu al mi karton por diri, ke vi tion faris.

Tre kore via

*Harry A. Epton,*
*sekretario por Londono.*

*Internacia Radio-Asocio*
*17. Chatsworth Road, Londono, E. 5.*

*Universala Esperanto-Asocio*
*17. Hart St., London, W. C. 1.*

# ODYSSEUS KAJ LA SIRENOJ

MIĤAELO BABITS

I.

oka rifo leviĝis sur la mezo de l' maro. Sur ĉi tiu rifo kuŝis surventre la sirenoj.

Ĉirkaŭe la oceano muzikis. De la komenco de l' tempoj ĝi jam muzikis tiel kaj ĝia muziko plenigis la grandan universon.

Kelkfoje mole, mallaŭte, sentimentale ĝi sonoris kaj tiam elvenis la steloj, por aŭskulti ĝin. Tiam la *kanto* aŭdiĝis malproksimen kaj de malproksime ĝi allogis la sensuspektan ŝipiston.

— Nin li akompanas! — kriadis la sirenoj dum la paŭzoj de l' kanto kaj ili frapadis siajn blankajn fingrojn sur la dorson de l' akvo kvazaŭ sur ian gigantan, blank-klavan fortepianon.

Sed nun, jam de tagoj, kolere, senpacience ĝi hurlis kaj la ektimintaj steloj tiris antaŭ sin siajn plej densajn vualojn. En animojn, en cerbojn sorbiĝis la densa, profunda, profunda grizo kaj la terure eterna, eterna, kruela muziko. Alifoje tiel bele blua: nun terure nigra estis la maro kaj ŝaŭme febrovundita apud la rifoj kiel la lipo de malsanulo. Ĉio fermiĝis: la mondo estis malvasta, malvaste ronda truo, en la terura mezo de grizaj, densaj nebuloj kaj akvoj kaj grandaj hurloj, al kies vastaj muroj strangaj kaj sovaĝaj animoj frapadis siajn obstinajn, dolorajn, mallertajn flugilojn. Depost tagoj, tutaj tagoj la animo ne komprenis sian propran voĉon. Kaj kelkfoje krietoj aŭdiĝis super la maro.

Mejloj kaj mejloj kaj mejloj kaj mejloj, en monotona, muĝa grizo. Sendirekte . . .

II.

— Neniu! Neniu! Neniu!

— Hoj-hej-hoj!

La ondo frapis kelkfoje en ŝian vizagon, blanke, en malmola, perla arko, kvazaŭ aŭdaca, petola fontano. Sur ŝian vizagon, kolon, bruston: kaj la saŭmaj, salaj gutoj disfluis sur la brunaj mamoj kaj fluis malsupren, larĝe, plejeble larĝe, kiel glaci-malvarmaj fingroj de febra amanto. Bruna estis ŝia brusto, bruna, sed bela, bela, bela.

— Hoj! Hej! Hoj!

Kiam krietante ŝi ek- kaj eksaltis de la rifo, sur ŝia malmola, hardita haŭto restis akraj, blankaj postsignoj, kie ŝi premis ĝin al la ŝtono. Ŝiaj brak-muskoloj streĉiĝis kaj la maleolo tremis, kiam, subite ek- kaj eksaltante, ŝi suprenapogis sin. Nun ŝi leviĝis ankoraŭ pli alten kaj nun ŝi staris sur kvar fingroj, ŝi ekvilibris sin: sur la mezaj fingroj de l' manoj kaj sur la dikaj fingroj de l' piedoj.

Ho, certe ŝi estis forta!

Kaj ŝi ridis laŭte kaj ek- kaj ekskuis siajn tlirtantajn, nigrajn harojn, kiam la barba ondo trans- kaj transfrapis super ŝia korpo. Super la malmola. freŝa, senmorta korpo, kiu estas eterne nuda, en kiun de jarcentoj ensorbis sin la malseka, mara salo.

III.

— Ŝipo! Ŝipo!

La eta, la plej malgranda sireno, kiu naskiĝis nur antaŭ kelkaj jaroj el la momenta amo de iu nekonata mara dio — infano de l' momento, freŝa senmorteco — gaje transkapiĝis kun la ĝojo de pretiĝanta petolaĵo. Poste ŝi sidiĝis duonronde, kiel hundeto. Alia sireno, ventrumante sfinksmaniere sur la rifo, parolis kun tritono, kiu grimpis supren el la profundo, kroĉiĝante al la ŝtonoj.

— Ĉu ŝipo? — demandis gargarvoĉe la silurliphara tritono kaj li dronis en la vezikumanta akvo.

Pli malproksime korpo de ia nereidino glitis pormomente super la akvon, kvazaŭ arĝenta glimo (blanka estis ŝia korpo kaj delikata, ĉar ŝi loĝis en la profundo, kien nek suno, nek vento penetras) — poste kun subita krieto ŝi malaperis inter la blanka ŝaŭmo.

Du pli naivaj sirenoj, kaŭrante en ŝirmita loko, damludis per homaj ostoj, kiuj kuŝis sennombraj, ĉie disĵetite, sur la malpuraj ŝtonoj. Ili ridaĉis dum la ludo, sed unu el ili subite saltleviĝis, kvazaŭ ŝi vidus fantomon, ekkriis kaj tiam ankaŭ la ceteraj komencis krii, kriadi al la unua:

— Hund-okula, hund-okula! Ne elstaru tiel! Rigardu, rigardu la hund-okulan!

La unua sireno, la plej bela, stariĝis sur la bordpromontoro per dismetitaj piedoj kaj sian tutan sunbruligitan, ventotrairitan korpon ŝi malfermis al la malproksima horizonto. Kaj la brakojn sopire ŝi etendis al la malproksima ŝipo. Kaj la aliaj malesperiĝinte tiradis ŝin de malantaŭe, rampinte surgenue post ŝin, ili tiradis kaj pinĉis ŝian tibikarnon kaj forte ili krietis, ke ŝi saltu kun ili post la rifkornicon.

— Hund-okula! hund-okula! kaŭru!

— Proksime! proksime! jam proksime! Ili vidas! tuj ili vidos!

Ĉar nur ĝis talio estis belaj la sirenoj kaj sub ĝi tiaj. ke mi eĉ ne parolas pri tio.

IV.

Nun oni devas imagi la ŝipiston, kiu pensas pri Penelope. Li sidas tie, sur la alta postaĵo de la ŝipo kaj nur la senfina akvo estas ĉirkaŭ li kaj tremas lia seĝo kaj de malproksime eble ŝajnas rifo kaj eble sonas ia voĉo . . . sed li ne vidas, li ne aŭdas; pri Penelope li pensas, pri la virino, kiu atendas kaj teksas sub altaj traboj, teksas, teksas ian nefinatendeblan manlaboraĵon, per ora fadeno, kaj falas, mole falas la ŝvelanta faldo de la kara ŝtofo apud la ungopiedan

tronon de la sinjorino kaj ĉio estas tiel majesta. Ho, ĉio, ĉio atendas kaj ankaŭ la ŝipisto kvazaŭ atendus ion, tie, sur la balanciĝanta seĝo, kaj malproksime la rifo pligrandiĝas kaj ĉe lia piedo iu lia kamarado ĝemas kaj la ŝipisto atendas kaj amuzas sin per tio, ke malsupren, sur la ondon li provas pentri en imago la vizaĝon de la majesta Penelopeia, sed la ondo rompiĝas, disfluas kaj kun ĝi ĉiam disfluas la vizaĝo.

— Odysseus! Odysseus! ia kanto!

— Malproksima, malproksima kanto!

— La sirenoj . . .

— Antaŭdiris Kirke, la timiga, la sonora diino.

— Vakson, vakson! Alportu la vakson el la ŝipfundo!

— Kial la vakso, ho Odysseus?

— Ni ŝtopos niajn orelojn, Eurylochos, por ne aŭdi la kanton de l' sirenoj.

— (Ho, Odysseus, mi estas malsana. Fleksiĝas miaj genuoj. Odysseus, la sala ondo forlavas min de la ŝipo!)

— Kiom granda vaksodisko! Tiel peza, kiel muelŝtono.

— Distranĉu ĝin en malgrandajn pecojn. Moligu ĝin bone inter viaj manoj, frotu kaj varmigu, por ke ĝi ŝtopu kaj gluiĝu! — He, gardu la direktilon!

(— Ho, Odysseus, terura estas ĉi tiu tempesto. Ĉu vi aŭdas la krietojn de malproksime? Aŭ eble kanto ĝi estas, kanto? Se nur ne balanciĝus tiel ĉi tiu ŝipo!)

— Odysseus, Odysseus, ne ŝtopu miajn orelojn! Mi volas aŭdi la belan kanton.

— Malsaĝa, malsaĝa junulo. Vi ne konas la danĝerojn de l' maro.

— Vestinte sin en la maskon de l' beleco, la morto logas vin. De malproksime . . .

— Ĉu vi ne memoras la dolĉan lotusfloron? Kiu gustumas ĝin, kiu foje gustumas ĝin . . .

— La baleno elkuŝiĝas sur la supron de l' maro kaj ŝutas teron sur sian dorson. Surkreskas ĝin densa herbaro kaj la ŝipisto ĝojante albordiĝas ĉe la bela, freŝa insulo. Kaj foje nur ekmoviĝas la insulo, subakviĝas kun ŝipo, homoj ..

— Bela, vasta groto vokas vin per sia ombro; foliara barilo, blank-lana ŝafaro. Kaj en ĝi: la giganta, unuokula kiklopso, aŭ la timigaj laistrygonoj . . .

— Vi devas ŝtopi viajn orelojn. Ĉu vi ne memoras, kiam ni enrigardis tra fenestro kaj ni vidis belegan virinon, ŝi teksadis per senmorta fadeno kaj kantis dume. Kaj al la eniranto ŝi proponis kykeon-trinkaĵon kaj per sia sorĉbastono ŝi transformis lin porko . . .

— Oni devas ŝtopi viajn orelojn!

(— Odysseus, Odysseus, mi mortos, helpu al mi!)

— Oni devas ŝtopi liajn orelojn!

— Ne, ne, mi ne lasas tion. Mi volas aŭdi la kanton de l' sirenoj.

— Via patrino vane atendos vin hejme, viajn karulojn neniam plu vi vidos.

— Mi volas aŭdi la kanton de l' sirenoj.

(— Kio, kia voĉo de malproksime, Odysseus? Morta . . .)

— Oni devas ŝtopi liajn orelojn.

## V.

Kiam la vento iom kvietiĝis, la ŝipo iom trankviliĝis kaj la kanto denove ŝajnis aŭdiĝi, Eurylochos ekparolis:

— Kaj ĉi tiun vakson mi knedis por vi, ho Odysseus!

— Kaj vi mem, dia Eurylochos?

— Mi . . .

— Ne, Eurylochos, uzu nur mem la vakson, kiun por mi vi preparis. Mi ne ŝtopos miajn orelojn.

— Odysseus! Vi, kiu konas la . . .

— Mi volas aŭdi la kanton de l' sirenoj.

— Vi, kiu la lotuson . . .

— Decas, ke mi — mi aŭdu ĝin. Mi devas vidi kaj aŭdi ĉion. Aŭ, ĉu eble tial mi venis tra ĉiuj maroj, ke mi ne vidu kaj ne aŭdu ĉion, ĉion? Ho, Eurylochus, vi ne komprenas tion, kiel turmentas min la malperfekteco, ke la lotusfloron mi ne gustumis.

— Pensu pri via patrujo, Odysseus! pensu pri Telemachos, pensu pri la honorinda Penelope. Kio okazos, se . . .?

— Vi ligos min forte al la masto.

— Kaj se vi mem petus, ke ni malligu vin?

— Vi ne aŭdos mian voĉon.

— Kaj se vi faros signojn kaj kaptos nian baskon?

— Per pli forta ŝnuro vi alligos min.

(— Ha, nenion mi aŭdas! Ĉi tiu obtuza vakso en miaj oreloj! muĝas, muĝas, muĝas la tuta mondo . . . Odysseus! Kio estas? Kion ili volas per tiu ŝnuro? Odysseus! Al la masto ili ligas . . . vin . . . ve, ve, mi freneziĝos! ĉi tiu muĝo en la oreloj frenezigas min!)

## VI.

Kaj nun ni imagu la etan ŝipon sur la malproksima akvo, glitantan pli kaj pli proksimen al la sirenoj. La vento, kvazaŭ ia sopiro, flugigas ĝian velon rekte tien. La vento, la sopiro de l' maro, kiu taŭzadas la molan, grandan korpon de l' maro. Kaj homoj estas sur la ŝipo, sensopiraj homoj kaj trankvile penadante, direktante, kun ŝtopitaj oreloj. Kaj sonoras, sonoras, en la muĝo de l' maro sonoras la bela kanto. Kvazaŭ la eternajn sonĝojn de l' maro ĝi kantus kaj vokus dormi per ĝi, dormi en ĝi. Ho, vi, mortemuloj, kiuj dormas la sonĝojn de l' vivo, ĉu vi konjektas, ke estas ankaŭ pli bonaj sonĝoj? Pli grandaj, pli grandaj sonĝoj?

Sur la eta ŝipo homoj laboras kaj por ili ne ekzistas la kanto. Sed estas unu homo, kiu ne laboras, kiu aŭskultas ĝin, aŭdas ĝin. Estas, kiu trinkas la kanton, kiel abelo la parfumon de malproksima dolĉaĵo kaj sopire li gluas siajn okulojn al la haroj, flirtantaj tie, ĉe la rifoj; al

la figuroj, sekrete aperantaj, en kiuj brunajn virinajn ŝultrojn, brustojn oni eble povas konjekti. Ah, ĉi tiu sovaĝa, terure kuntrena kanto! Sovaĝa kaj freŝa, kvazaŭ ĝi aŭdiĝus el malproksima infanaĝo, aŭ ankoraŭ el pli antaŭa tempo, el alia, pli sovaĝa kaj pli freŝa ekzisto, kontraŭ kiu la vivo estas jam morto. Kaj ni imagu la senmovan aŭskultanton, dum la vento lin ĵetadas kvazaŭ ŝtipon; same kiel la ŝipon, kiel la mastojn; liaj piedoj ligitaj al la masto, la manoj malantaŭe; jen horizontale — jen vertikale — frapate de ondoj — la muskola, duonnuda korpo baraktas sinstreĉe. Kaj li aŭdas, aŭdas la kanton kaj kriadas:

— Malligu min! Friponoj, banditoj, malligu min!

— Ho, ni foriros, forglitos kaj neniam plu mi aŭdos ĝin!

— Albordiĝu! Malligu min! Albordiĝu!

— Premas min la ŝnuro! Ho, ĉiun ĝian plekton mi sentas kaj tio ne lasas min atenti la kanton. Nur mian manon lasu libera; frapis la sala ondo mian vizaĝon, mi volas deviŝi! La okulojn ĝi mordas kaj mi ne vidas, kion mi konjektas, pro tio. Doloras, doloras! malligu min! Splito boris sin en mian piedon!

— Kion valoras: hejmeniri por enuo? Ah, ĉu vi ne aŭdas, ne aŭdas tion, kion mi?

— Kiel terure! Mi elgratos la vakson el viaj oreloj! Eurylochos! Eurylochos!

— Ho, se vi aŭdus, kion mi aŭdas!

— Kiel malsaĝa mi estis, kiel malsaĝa! Jen, mi estas alligita ĉi tien, ĉi tien! al ĉi tiu abomena ligno! Abomena! Tia, kia la bastono de l' kiklopso. Ĉi tien mi devas esti ligita, nun, nun! Ho, malsaĝa, malsaĝa! Ni foriros, forglitos kaj neniam plu mi aŭdos ĝin!

— Eurylochos, maljuna stultulo! Ho, ve, apenaŭ, jam apenaŭ mi aŭdas. Pro mia propra krio mi ne aŭdas, pro la murmuro de l' maro. Ho, ve, kiel senfine ĉie kaj muĝas, muĝas kaj mi, ĉi tie, ligita al la masto, mi kuras for, senrevene preter la insulo de plezuroj!

— Kaj mem mi ligigis min! Kaj mem mi ordonis, ke eĉ je mia peto ili ne malligu min.

— Ho, kial mi devas aŭdi, sola inter la mortemuloj, ĉi tion, ĉi tion, por mia turmento? Mia tuta vivo estas nenio kompare ĉi tion. Kaj tiel mi devas forremi preter la feliĉo! Ho, Tantalos!

— Ne, ne, ne timu! Nenion mi volas! Nenion danĝeran mi volas! Ne, ne pensu pri tio, kion mi diris! Ne venu kun la novaj ŝnuroj, ne necesas, mi ne bezonas ilin, saĝa mi estas, nenion malbonan mi volas! Nur ekscito estis, kion mi parolis, nur kolero . . . nur ŝerco . . . je Zeus! do kredu al mi! mi ne albordiĝos, mi ne elŝipiĝos, nenion, nenion! mi eĉ ne rigardos tien! ne, ne! mi ja volas hejmeniri! al Penelope mi volas iri . . . ŝi atendas min . . . nur mian brakon liberigu, por ke min ne premu la ŝnuro, por ke mi povu forviŝi de mia vizaĝo la salan akvon, nur unu mian piedon, por ke la spliton mi povu eltiri el mia plando.

— Direktilisto, haltu! ho, kiel flugas ĉi tiu ŝipo! mi ne povas atenti la kanton! terure . . . nur kelkajn momentojn! . . . Ĉi flugas . . . Zeus! ĉi tiu senpovo! He, haltu! Mi ordonas! Mi vin rekompencos! Mi punos vin!

— Ve, ve! mi ne povas atenti pri la kanto!

VII.

La rifojn de la sirenoj ili delonge forlasis, la barko ripozas, la maro jam estas serena. Odysseus sidas sur la alta postaĵo de l' ŝipo, sur la balanciĝanta seĝo kaj rigardas en la malproksimon.

— Ĉu vi ne aŭdas ian voĉon, ho Eurylochos?

— Ne, Odysseus, jam nenion mi aŭdas.

— Sed atentu ja, ian voĉon el la malproksimo!

Kaj denove li rigardis en la malproksimon kaj pri nenio li plu atentis, kiel homo, havanta grandan ĉagrenon.

## DELONGE FORSONORIS TEMP' DE SAPPHO . . .

MIHAELO BABITS

Liriko mortas. Tro aŭdace ŝiris
ni violono-korpon de l'sentema
knabin', trudante por sovaĝ-sovaĝaj
eksonoj, ke ŝi povas jam nur ĝemi,
stertori kiel la mortant' . . . Nek ritmo
en sia ve', nek vort' plu, nek artiko:
komprena mens', muzika kor' ne sonas,
jam nur la pulm' spiregas, nur la gorĝo
kriegas, la stomak' sveninta sonĝas.
Lirik' formortas, mutas ĉi epok'.

Anim', por kiu kanti? Oni diras:
de miloj ĝemon ĝemu, jen ni: fratoj,
ĉu taŭgas vort' estanta nur la *via*?
Sed, Di', ĉu estas frato kiu ĝemon
de sia frat' ne aŭdas, se ne estas
ĝi ankaŭ *lia*? Mond' sinama! sole
komuna febro kaj mizer', komuna
konfuz' balbutas — krome: mut', soleco!
Liriko mortas, kaj la amo estas
senvoĉa kiel kiso de kolomboj.

Ho kara! sonas por ni mem la kant'.
Delonge forsonoris temp' de Sappho.
Ho kisu! Mortas la lirik'. Rifuĝas
la viv' malĝoja al silent' duopa.
La homo iam estis hom' kaj trinkis
per frata kor' la homon; — nun, ŝafar',
remaĉas ĝi ĉagrenon tedan. Estu
insul', el marĉ atendu sunon! Naskas
larvaĉoj papilion! Kiu scias?
La dioj mortas ja, la homo vivas.

*trad: KALOCSA*

— Pri Penelope li pensas — diris la ŝipistoj — pri la majesta virino, kiu atendas kaj teksas sub altaj traboj.

*

Poste Odysseus, sola, ĵetiĝis sur insulon, kie Kalypso, pli bela ol ĉiu mortemulo kaj ol ĉiu diino, volis, ke li estu ŝia edzo. Sed Odysseus staris dum la tuta tago sur la promontoro kaj rigardis en la malproksimon.

— Li sopiras hejmen al Penelopeia — pensis Kalypso kaj ŝia rozkolora vizaĝo flaviĝis pro tio.

— Li atentas, atentas, ĉu li ne vidas la fumon de sia patrujo.

Sed Odysseus tiam ne al Ithaka rigardis.

*

Poste, kiam ĉe reĝo Alkinoos li festenis kaj la maljuna Demodokos kantis al li kaj Nausikaa, la filino de l' reĝo, ĵetis sekretajn rigardojn al la gasto, Odysseus sidis enpensiĝinte apud la tablo.

— Gasto, pri kio vi pensas? — demandis Alkinoos.

Kaj Odysseus, kvazaŭ ĵusvekiĝinto, ektremis kaj komencis laŭdi la festenon kaj la donacojn kaj Nausikaa'n.

*

Kaj kiam la honorinda Penelopeia, post tiel longa foresto, denove brakumis la hejmenvenintan Odysseus, la glora heroo sentis tute strangan aferon. Kanton li aŭdas — ŝajnis al li — de malproksime kaj subite, kvazaŭ denove li estus ligita al la masto kaj rigardus en la malproksimon kaj aŭskultus. Jes — jes, kanton li aŭdis, tute klare li aŭdis ĝin kaj kvazaŭ dikaj ŝnuroj premus lian korpon kaj li forgesis por momento, ke la sekkarna kaj nobla Penelopeia brakumas lin. Kaj denove li sentis, denove, la malnovan pripenton, ke li mem ligigis sin. Sed li ne kriis plu.

*

Poste Oysseus ankoraŭ ekvojaĝis plurajn fojojn, por ke, sekvante la antaŭdiron de la animo de l' blinda Teiresias: li elserĉu la popolon, kiu rigardas la remilon ŝovelilo kaj li fiksu sian remilon sur la foirplaco de ĉi tiu popolo. Kaj starante sur la tremanta rando de sia ŝipo, multfoje li alrigardis la nebulajn rifojn de la amara maro kaj ĉiam maldolĉa pripento sidis sur lia animo. Kaj kelkfoje, ektimante, voĉon aŭdi li imagis, krieton aŭ kanton. Kaj plurfoje li foriris kaj revenis tiel, kaj foje, oni diras, denove li foriris kaj neniam plu revenis.

El la hungara: *Karlo Bodó*

---

# BEDŘICH SMETANA

PROF. HRSEL (HRADEC KRÁLOVÉ)



La ĉeĥoslovaka nacio rememoras je la 2-a de marto 1924 la centjaran datrevenon de naskiĝo kaj je la 12-a majo 1924 la kvardekjaran datrevenon de morto de sia plej fama tonpoeto Bedrich Smetana.

Smetana donis al sia nacio kaj al la mondo verkojn, kiuj havas nepereantan signifon ne sole por lia popolo, sed kiuj per sia absoluta valoro povas ornami eĉ la plej riĉan literaturon de alia nacio. Sed verkoj de malgranda nacio estas malmulte konataj kaj tiel same ankaŭ la ĉarmaj kaj al ĉiu bohemo karaj komponaĵoj de Smetana. Krom kelkaj esceptoj el la operoj sole la Vendita Fianĉino estis prezentata sur ĉefaj scenejoj de Eŭropo (en tiuj ĉi tagoj ekz. ankaŭ en Barcelona kaj Madrid), ili estas tro malmulte konataj en fremdlando, kvankam ili estas skribataj per internacia muzik*skribo* — notoj. Tial nun la internacia *lingvo* kunhelpu disvastigi la verkojn de Smetana tra la tuta mondo. Ili plene meritas tion, ĉar ili estas veraj poemoj kaj juveloj de la muzika mondo. *Dro Fousek*



Bedrich (Frederiko) Smetana, fondinto de la bohema muziko, naskiĝis en orienta Bohemujo en urbo Litomyŝl la 2-an de marto 1824. Jam dum siaj infanaj jaroj li montris neordinaran muzikan talenton kaj estis konata kiel eminenta pianisto.

Absolvinte la gimnazion, li en jaro 1843 venis al Praha, kie li fariĝis instruisto de muziko en la familio de grafo Leopold Thun. Tiam Smetana havis en Praha konvenan okazon por plua ekzerciĝo en pianludo kaj komponado en la fama fortepiana lernejo de Jos. Proksch. En tiu tempo li fariĝis ano de la novromantika skolo, moderna rilate al la tiamaj muzikaj cirkonstancoj Al tiu ĉi skolo Smetana restis fidela dum sia tuta vivo, spite al ĉiuj malfacilaĵoj de nekompreno, kiuj baris lian vojon de evoluo. Sur la fundamento de tiu ĉi skolo, kiu sole en Richard Wagner trovis sian pasian reprezentaton en la sfero de opero, Smetana fondis sian propran stilon kiu fariĝis fundamenta trajto

de la bohema muziko. Smetana ne sole fondis boheman operon kun nacia spirito, foriginte el ĝi ĉiujn mankojn, kiuj baris la pluan evoluon de la moderna kreado dramatika, sed li ankaŭ perfektigis ĝin en rilatoj programa kaj polifona, fiksinte por la orkestro rolon memstaran, plene subtenantan la scenon.

Kiel admiranto de la stilo de Wagner kaj de liaj modernaj reformoj en la opero (gvidmotivoj — polifonio en la orkestro, simfonie evoluanta el la gvidmotivoj) Smetana transportis tiun ĉi stilon en la boheman dramon kaj perfektiginte ĝin, li kreis la boheman nacian operon.



Motivoj el „Libuše"

Sed antaŭ ol li atingis tiun ĉi stilon de la bohema opero, li famiĝis per siaj pli aŭ malpli grandaj laboroj, kiuj gajnis al li en la mondo gloran nomon: „*Bohemaj dancoj*", „*Polkoj*," bela koncertludo „*Sur la marbordo*" (por fortepiano), duo por violino kaj piano „*El hejmo*", „*Revoj*" kaj aliaj. Por ĥoroj: „*Kamparana kanto*", „*Kanto bohema*", „*Kanto sur la maro*" k. a. El lia komenca kreotempo estas ankoraŭ notindaj: „*Solena uverturo*" (1849) kaj „*Imperiestra simfonio*" (1855), en kiu li surprizis per sia artoplena polifona laboro.

En la jaro 1856 li akceptis la oficon de direktoro de l' Filharmonia Societo en *Göteborg* (Svedujo), kie li restis ĝis 1861. Tie naskiĝis trio de simfoniaj poemoj (*Richardo III.*, *Tendaro de Wallenstein*, *Hakon Jarl*), kiuj havas karakteron kosmopolitan sen frapanta nacia koloro. En la tempo de sia restado en Svedujo li ekkonsciis sian gravan mision rilate la evoluon de la bohema nacia arto; rezigninte post kvinjara laborado pri sia profita posteno, li revenis al Praha por komenci la plej gravan periodon de sia komponista laboro — la dramatikan kreadon. Per la opero „*Brandeburganoj en Bohemujo*" li faris la unuan paŝon por krei nacian dramatikan muzeon. Sekvis la „Vendita fianĉino", kiu gajnis la plej grandan popularecon el ĉiuj verkoj de Smetana kaj laŭ la juĝo de l'fremdlandaro ĝi estas la plej eminenta verko sur la kampo de komika opero lastatempa. La brila sukceso de ambaŭ operoj (1866) kaŭzis, ke Smetana estis akceptita kiel kapelestro de la Nacia Teatro en Praha. Al ĝi li fordonis ĉiujn siajn fortojn ĝis tiu malgaja momento, kiam orela kaj nerva malsano devigis lin rezigni je ĉiu ajn publika laboro (1874).

En la tempo de l' agado de Smetana en la Nacia Teatro devenas la operoj: „*Dalibor*" (1868), „Libuŝe" (1872) kaj „*Du vidvinoj*" (1873). La operon „Libuŝe" Smetana mem deklaris „solena" (ne repertuara), destininte ĝin ekskluzive por solenaj festoj naciaj. La unuan fojon ĝi estis ludata ĉe la malfermo de la nova Nacia Teatro la 11-an de junio 1881. La uverturo de tiu ĉi opero komencas per karakteriza motivo (motivo de l' juĝo, vidu ekzemplo 1 a). kiun sekvas milda motivo de „Libuŝe (bohema regnestrino, 1 b). En la meza parto aliĝas al tiu ĉi motivo alia de energia karaktero (de Premysl, posta edzo de Libuŝe kaj regnestro bohema, 1 c), ĝis fine ambaŭ motivoj grandioze efikante kuniĝas en „fortissimo" (1 d).

„*Du vidvinoj*" per sia konversacia tono proksimiĝas pli al franca modelo.

En la jaro 1874 surprizis la majstron nerva kaj orela malsano, pro kiu li devis forlasi la teatron kaj en la nokto de 20-a al 21-a de oktobro 1874, li perdis la aŭdon. Tamen li ne forlasis sian komponistan agadon, serĉante ĝuste en obstina laboro konsolon por kruela malfavoro de l' sorto, kiu malebligis al li aŭdi siajn plej grandiozajn verkojn kaj ĝisvivi la momenton, kiam li ricevis brilan satisfakcion por maljustaĵoj kaj malŝatoj, abunde preparitaj de liaj malamikoj. Tute surda, li komponis pluajn verkojn: *Kiso* (1876), en kiu la bohema spirito bonege estas esprimita; ĝi estas tipo de bohema muzika komedio kaj krom „Vendita fianĉino" la plej populara opero de Smetana.

Per la opero „*Sekreto*" (1878) Smetana atingis zeniton sur la kampo de la komika opero. Sekvis ankoraŭ du lastaj operoj skribitaj dum stato de progresinta spiritmalsano: „*Roko de diablo*" kaj „*Viola*", kiun la majstro ne finis.

Krom tiuj ĉi operoj naskiĝis en la periodo de lia plena surdeco (1874—1884) ciklo de ses simfoniaj poemoj: „*Mia patrolando*" (Vyŝehrad, Vlatava, Ŝárka, El bohemaj kampoj kaj arbaroj, Tábor kaj Blaník), en kiuj li majstre kantas pri belecoj de la bohema lando kaj legendoj el bohema historio. En la arĉkvarteto „*El mia vivo*" li priskribas momentojn el sia vivo ĝis la surdiĝo. Dua arĉkvarteto aperigas jam signojn de nuba animo.

Smetana mortis je la 12-a de majo 1884, sed liaj verkoj restas vivantaj kaj ĉiam pli ŝatataj ne nur de lia nacio, sed ankaŭ de la tutmondaj muzikamantoj.

*Orig. verkita por L. M.* El la ĉeĥa: *Dro Jos. Fousek*



# LA JUNA REĜO

OSCAR WILDE

stis la nokto antaŭ lia kronado, kaj la juna reĝo sidis sola en sia bela ĉambro.

Klinante la kapon ĝis la tero — laŭ la ceremonia rito de l' epoko — ĉiuj liaj korteganoj lin adiaŭis por iom da tempo kaj iris en la grandan salonon de l' palaco, por akcepti de la ceremoniestro la lastajn instruojn; ĉar kelkaj el ili havis ankoraŭ tute senafektan konduton, kaj mi ne bezonas diri, ke tion oni opinias tre malkonvena ĉe kortego.

La knabo, — ĉar li estis ankoraŭ knabo havante dekses jarojn — ne ĉagreniĝis pro ilia foriro kaj kun profunda ekĝemo de liberiĝo sin ĵetis surdorsen, sur la molajn kusenojn de sia brodita kuŝejo; tie li kuŝis kun flamantaj okuloj kaj nefermita buŝo kiel bruna faŭno de l' arbaro aŭ kiel juna besto de l' dezerto, kiun ĉasistoj kaptis. Kaj efektive, ĉasistoj estis lin kaptintaj. Preskaŭ senintence ili renkontis lin, kiam li nudpiede, tenante fluton en la mano, sekvis la aron de l' malriĉa kapringardisto, kiu lin edukis, kaj kies filo li sin opiniis ĝis nun. Estante en la realeco infano de la sola filino de l' reĝo el neoficiala geedzeco kun iu, kiu laŭrange estis malegala al ŝi (— kun fremdulo, diris kelkaj, kiu delogis la junan reĝidinon per la sorĉo de sia mirinda flutludado tiel, ke ŝi devigate ekamis lin; dum ke aliaj parolis pri artisto el Rimini, al kiu la juna reĝidino dediĉis multe, eble tro multe da honoro, kaj kiu subite malaperis el la urbo ne fininte sian laboron en la katedralo —) li estis, apenaŭ semajnaĝa, forŝirita de la flanko de sia dormanta patrino kaj konfidita al simpla terkulturisto kaj lia edzino, kiuj ne havis proprajn infanojn kaj loĝis en malproksima parto de l' arbaro, en distanco de la urbo je pli ol unu tago de rajdado. La ĉagreno, aŭ la pesto, kiel konstatis la kortega kuracisto, aŭ, kiel kelkaj asertis, rapide efikanta veneno itala, donita en pokalo da spicita vino, jam unu horon post ŝia vekiĝo mortigis la palan junulinon, kiu lin naskis; kaj je la sama tempo, kiam la fidela servisto, kiu portis la infanon antaŭ si sur la selo, desaltis de sia laca ĉevalo kaj frapis sur la pordo de la kabano de l' paŝtisto: oni glitigis la korpon de la reĝidino en ĵus malfermitan tombon, kiun oni fosis trans la urbaj pordegoj sur dezerta tombejo — en tombon, en kiu laŭdire jam kuŝis dua kadavro, la kadavro de junulo de mirinda, fremda beleco, kies manojn oni ŝnurligis sur la dorso, kaj kies brusto vidigis multajn, ruĝajn vundojn.

Tio estis almenaŭ la rakonto, kiu flustre rondiris. Certe estis, ke la reĝo sur sia morta lito. eble turmentata de pento pro sia grava peko, eble ankaŭ nur dezirante, ke la reĝeco restu al sia dinastio, revenigis la knabon kaj en ĉeesto de l' konsilantaro oficiale lin proklamis sia heredonto.

Ŝajnas, ke depost la unua momento de sia kronprinciĝo li montris signojn de tiu stranga pasio por la belo, kiu estis havonta tiom da influo al lia vivo. La ĉambelanoj lin akompanantaj tra la aro de ĉambroj destinitaj por li, rakontis pri ekkrio de ravo, kiu eliĝis inter liaj lipoj, kiam li ekvidis la luksajn vestaĵojn kaj abundajn juvelojn, kiujn oni pretigis por li kaj pri la ĝojo preskaŭ sovaĝa, kun kiu li ĵetis for sian krudan ledojakon kaj sian vilan mantelon el ŝafa pelto. Tamen, kelkfoje li bedaŭris la perdon de la libereco de sia arbara vivo kaj ĉiam li inklinis ekscitiĝi por la tedaj kortegaj ceremonioj; sed la pompa palaco — *„La Joyeuse“* ĝi nomiĝis — kies estro li nun estis, ŝajnis al li nova mondo, speciale kreita por lia plezuro, kaj ĉiufoje, kiam li povis forkuri el la konsilantara konsido aŭ el la aŭdienca ĉambro, li rapidis malsupren sur la granda ŝtuparo, kie leonoj el orumita bronzo staris, kaj kies ŝtupoj estis el brilanta porfiro, kaj li iris de ĉambro al ĉambro, de koridoro al koridoro kiel iu, kiu serĉas en la belo balzamon por la doloro, specon de kuracilo por anima malsano.

Dum tiuj „malkovraj vojaĝoj“, kiel li ilin kutime nomis, — kaj efektive ili estis por li veraj vojaĝoj tra lando de mirindaĵoj — li kelkfoje akompanigis sin per gracitaliaj, blondharaj paĝioj kun flirtantaj manteloj kaj gajaj, ŝvebantaj rubandoj; sed pli ofte li restis sola, ĉar li sentis per rapida divenemo, ke la misteroj de l' arto plej bone estas percepteblaj en soleco kaj, ke la belo, same kiel la saĝo, amas tiun, kiu ilin adoras en izoleco.

Strangajn okazaĵojn oni tiutempe rakontis pri li. Oni diris, ke vastkorpa urbestro, veninta, por direkti al li oratoran salutparoladon en la nomo de l' burĝoj, lin vidis surgenuanta en vera ekstazo antaŭ granda pentraĵo, kiun oni ĵus sendis el Venecio kaj kiu ŝajne prezentis adoradon al iuj novaj dioj. Aliokaze li estis netrovebla dum pluraj horoj kaj nur post longedaŭra serĉado oni trovis lin en malgranda ĉambreto de unu el la nordaj turetoj; ekstaziĝinte li fikse rigardis gemon ĉizitan laŭ la figuro de Adonis. Laŭfame oni lin vidis premanta siajn varmajn lipojn sur la marmoran frunton de antikva statuo, trovita okaze de l' konstruado de nova ponto en la fluujo de l' rivero kaj kiu surhavis engravuraĵon montrantan la nomon de l' Bitinia sklavo de Hadriano. Li pasigis tutan nokton observante la efekton de la luna lumo je arĝenta statuo de Endimion.

Ĉiuokaze maloftaj kaj luksaj objektoj havis grandan ĉarmon por li kaj pro la arda deziro ilin havigi al si, li elsendis multajn komercistojn: unujn por aĉeti sukcenon de krudaj fiŝistoj de la nordaj maroj; aliajn Egipton por serĉi la strangeverdajn turkisojn, troveblajn nur en la tomboj de l' reĝoj kaj kiuj laŭdire posedas magiajn fortojn; aliajn Persujon, por aĉeti silkajn tapiŝojn kaj pentrumitajn argilajn vazojn, kaj pliajn Hindujon, por akiri gazon kaj nuancitan eburon, lunŝtonojn kaj braceletojn el nefritoj, santalan lignon, bluajn emajlaĵojn kaj ŝalojn el delikata lano.

Sed plej multe lin interesis la vestaĵo, kiun li estis surhavonta okaze de sia kronado, — vestaĵo el teksita oro, rubenumita krono kaj sceptro kun vicoj kaj ringoj el perloj. Jes, pri tio li pensis hodiaŭ vespere, kuŝante sur sia pompa ripozejo kaj rigardante la grandan ŝtipon el abiligno, kiu konsumiĝis brule en la nekovrita kameno. La modeldesegnaĵojn, kreitajn per la mano de plej famekonata artisto, oni prezentis al li antaŭ multaj monatoj, kaj li ordonis, ke la metiistoj laboru tage kaj nokte, por ilin pretigi kaj ke oni traserĉu la tutan mondon por trovi juvelojn indajn je ilia laboraĵo. Image li sin vidis staranta antaŭ la ĉefaltaro de la katedralo, — ornamita per la pompa vestaĵo, kaj rideto beligis liajn knabajn lipojn, ĝi restis tie kaj ekflamigis en liaj malhelaj arbar-okuloj radiantan brilon.

Post iom da tempo li leviĝis kaj sin apogante sur la skulptitan ŝirmilon de l' kameno li ĉirkaŭsendis siajn rigardojn en la malforte lumigata ĉambro. La muroj estis kovritaj per luksaj gobelenoj prezentantaj la triumfon de l' belo. Granda ŝranko inkrustita per agatoj kaj lazurŝtonoj plenigis angulon, kaj kontraŭ la fenestro staris strange formita fakoŝranko kun kvadratoj el lako kaj oraj polvo kaj mozaiko; sur ĝi estis graciaj pokaloj el venecia vitro kaj trinkovazo el malhelvejna onikso. Palaj papavaj floroj estis broditaj sur la kovraĵo de la lito, kvazaŭ ili estus glitintaj el la lacaj manoj de l' dormo; altaj kanelitaj stangoj el eburo apogis la veluran baldakenon, el kiu, kvazaŭ blanka ŝaŭmo, altiĝis grandaj faskoj de strutaj plumoj ĝis la pala arĝento de la facetita plafono. Ridetanta *Narcissos* el verda bronzo tenis brilantan spegulon super sia kapo. Sur la tablo estis plata vazo el ametisto.

Ekstere li povis vidi la kupolon de la katedralo, kiu similis al grandega sapoveziko super la ombraj domoj, kaj la lacajn gardistojn, kiuj iris kaj revenis sur la nebula teraso laŭlonge de la rivero. Malproksime, en ĝardeno, kantis najtingalo. Malforta odoro de jasmenoj flugis tra la malfermita fenestro. Li remetis siajn brunajn buklojn el la frunto kaj preninte liuton li pinĉetis la kordojn per la fingroj. Liaj pezaj palpebroj fermiĝis, kaj stranga laceco lin kaptis. Neniam antaŭe li sentis tiel klare kaj kun tiom intensa ĝojo la ĉarmon kaj misteron de la belo.

ni tiel malsufiĉan laborpagon, ke ni mortas. Ni laboras por ili la tutan tagon, kaj ili amasigas la oron en siaj trezorejoj; sed niaj infanoj velkas antaŭtempe, kaj la vizaĝoj de tiuj, kiujn ni amas, estiĝas severaj kaj koleraj. Ni elpremas la vinberojn per la piedoj, sed aliaj trinkas la vinon. Ni semas grenon, sed nia provizejo restas malplena. Ni surhavas katenojn, kvankam neniu ilin vidas; kaj ni estas sklavoj, kvankam la homoj nin nomas liberaj.

— Ĉu efektive tiel estas? — demandis la juna reĝo.

— Tiel efektive estas — respondis la teksisto — koncerne la junajn same kiel la maljunajn, koncerne la virojn kiel la virinojn, koncerne malgrandajn infanojn kiel koncerne tiujn, kiujn kurbigis la jaroj. La komercistoj piedpremas nin, kaj ni devas agi laŭ ilia ordono. Pastro preterrajdas kalkulante la perlojn de sia rozario, sed neniu homo zorgas pri ni. Tra niaj sensunaj stratetoj Malriĉeco ŝteliras kun avidaj okuloj, kaj Peko kun sia ŝvelinta vizaĝo tuj sekvas ĝin. Mizero nin vekas matene kaj Malhonoro sidas ĉe nia lito nokte. Sed kian intereson vi havas je tio? Vi ne apartenas al ni. Via vizaĝo estas tro feliĉa".

Kaj li sin deturnis — malbonhumore ĵetante la naveton tra la teksostablo. Kaj la juna reĝo vidis, ke ĝi estis fadenumita per ora fadeno.

Kaj granda angoro lin kaptis, kaj li demandis la teksiston:

— Kia estas la vestaĵo, kiun vi nun teksas?

— Ĝi estas la vestaĵo por la kronado al la juna reĝo, — li respondis — kian intereson vi havas je tio?

Kaj la juna reĝo elbrustigis laŭtan krion kaj vekiĝis; kaj jen! li estis en sia propra ĉambro kaj tra la fenestro li vidis la grandan mielkoloran lunon pendanta en la krepuska aero.



H. Daumier — El la serio: „Bonaj burĝoj"

Kiam de la turo sonoris la meznokta horo, li tuŝis sonorileton. Liaj paĝioj eniris, lin senvestigis kun multaj ceremonioj, verŝis rozakvon sur liajn manojn kaj ŝutis florojn sur lian kusenon. Kelkajn minutojn post ilia foriro li ekdormis.

Kaj dormante li havis sonĝon. Jen kion li sonĝis:

Ŝajnis al li, kvazaŭ li starus en longa, malalta ĉambro tegmenta inter la susurado kaj kraketado de multaj teksostabloj. Malabunda taglumo eniĝis tra la kradumitaj fenestroj kaj vidigis al li la malgrasajn figurojn de l' teksistoj, kliniĝintaj al la teksokrado. Palaj malsanemaj infanoj kaŭris sur la traversaj traboj. Kaj ĉiufoje, kiam la tekso-naveto traglitis la varpon, ili levis la pezan ortilon; kaj kiam la navetoj haltis, ili igis fali la ortilon kunŝovante la fadenojn. Iliaj vizaĝoj estis kavaj pro malsato kaj iliaj malgrasaj manoj tremis kaj vibris. Kelkaj maldikaj virinoj sidis kudrante ĉirkaŭ tablo. Naŭza odoro plenigis la ĉambron. La aero estis mucida kaj peza, kaj pro malsekeco fluetis de la muroj fluidiĝinta elspiraĵo.

La juna reĝo proksimiĝis al iu el la teksistoj, por observi lian laboron. Sed la teksisto malice rigardis supren al li kaj diris:

— Kial vi observas min? Ĉu vi estas spiono dungita de nia estro, por nin kontroli?

— Kiu estas via estro? — demandis la juna reĝo.

— Nia estro! — la teksisto kriis sarkasme. — „Li estas homo kiel mi. Nur unu diferenco estas inter ni: li surhavas belajn vestojn kaj mi estas ĉifone vestita; kaj mi estas senforta pro malsato, dum li suferas je trosateco".

— La lando estas libera — diris la juna reĝo — kaj nenies sklavo vi estas.

— Dum milito — respondis la teksisto — la fortaj sklavigas la malfortajn, kaj en paca tempo la riĉaj sklavigas la malriĉajn. Ni devas labori, por vivi, kaj oni donas la

Kaj li denove ekdormis kaj havis sonĝon; jen kion li sonĝis:

Ŝajnis al li, ke li kuŝas sur la ferdeko de granda galero, movata per remiloj de cent sklavoj. Sur tapiŝo apud li sidis la galerestro. Li estis tute nigra kiel ebono, kaj lia turbano estis el ruĝa silko. Grandaj orelpendaĵoj malsuprentiris la dikajn lobetojn de liaj oreloj, kaj en siaj manoj li tenis du eburajn pesiltelerojn.

La sklavoj estis nudaj escepte de ĉifonita antaŭtuko ĉirkaŭ la koksoj, kaj ĉiu estis alkatenita al sia najbaro. La varmega suno ilin trafis per plena forto, kaj negroj kurantaj tien kaj returne sur la trairejo, ilin batis per ledaj vipoj. Ili etendis siajn malgrasajn brakojn tirante tra la akvo la pezajn remilojn. La sala ŝaŭmo ekŝprucis alten antaŭ la brusto de l' ŝipo.

Fine ili atingis malgrandan golfon kaj komencis sondi. Malforta vento blovis de la bordo kovrante ferdekon kaj velojn per delikata ruĝa polvo. Tri araboj alrajdis sur sovaĝaj azenoj kaj ĵetis lancojn kontraŭ ili. La galerestro ekprenis pentrumitan pafarkon kaj trapafis la gorĝon de unu el ili. Li falis per peza falo en la ondobolaĵon kaj liaj kunuloj forgalopis. Virino kun flava vualo sekvis malrapide sur kamelo kaj de tempo al tempo turnis la kapon al la kadavro.

Ĵetinte la ankron kaj faldinte la velojn la negroj malsupreniris en la ventron de l' ŝipo kaj alportis longan ŝnur-ŝtupetaron pezigitan per plumbaĵoj. La galerestro fiksis ĝiajn finaĵojn je du feraj hokoj kaj ĵetis la ŝtupetaron trans la parapedon. Poste la negroj ekkaptis la plej junan el la sklavoj kaj senkateniginte lin kun batoj, ili ŝtopis liajn naztruojn kaj orelojn per vakso kaj ŝnurfiksis pezan ŝtonon je liaj koksoj. Laca li malsupreniris en la maron. Kelkaj vezikoj supreniĝis je la loko, kie li subakviĝis.

Kelkaj aliaj sklavoj scivole rigardis trans la ŝiporandon. Sur la antaŭa parto de l' ŝipo sidis sorĉisto de ŝarkoj unutone batante sian tamburon.

Post iom da tempo la subakviĝanto eliĝis el la maro kaj spiregante sin alkroĉis al la ŝtupetaro. En la dekstra mano li havis perlon. La negroj forŝiris ĝin de li kaj lin repuŝis en la maron. La sklavoj ekdormis super siaj remiloj.

Denove kaj denove li suprenvenis, kaj ĉiufoje li alportis belegan perlon. La galerestro ĝin pesis kaj metis en saketon el verda ledo.

La juna reĝo provis paroli, sed lia lango kvazaŭ gluiĝis al la palato kaj liaj lipoj rifuzis obei. La negroj interbabilis kaj komencis malpaci pro ŝnuro da brilantaj perloj. Du gruoj konstante rondflugis super la ŝipo.

Jen la subakviĝinto suprenvenis la lastan fojon, kaj la perlo, kiun li alportis, estis pli bela ol ĉiuj perloj de Ormuzo, ĉar laŭforme ĝi egalis la plenan lunon, kaj ĝi estis pli blanka ol la matena stelo. Sed lia vizaĝo estis pala, kaj kiam li falis sur la ferdekon, sango ekfluis el liaj nazo kaj oreloj. Li baraktis ankoraŭ iom da tempo kaj poste senmoviĝis. La negroj levis la ŝultrojn kaj ĵetis la kadavron trans la ŝipan randon.

Kaj la galerestro ekridis kaj etendinte la brakon li prenis la perlon, kaj ĝin rigardinte li premis ĝin al sia frunto kaj kliniĝis.

— Ĝi estas destinita — li diris — por la sceptro de la juna reĝo —, kaj li faris signon al la negroj levi la ankrojn.

Aŭdinte tion la juna reĝo elbrustigis laŭtan krion kaj vekiĝis; kaj elrigardante tra la fenestro, li vidis, ke la matena krepusko per longaj, grizaj fingroj kaptas je la paliĝantaj steloj.



H. Daumier — La kontenta advokato kaj la malkontenta kliento

Kaj denove li ekdormis kaj havis sonĝon. Jen kion li sonĝis:

Al li ŝajnis, ke li migras tra malluma arbaro en kiu pendis strangaj fruktoj kaj belegaj, venenaj floroj. Kolubroj sible etendis la kapojn kontraŭ li, kiam li preterpasis, kaj kolorbrilantaj papagoj flugis kriaĉante de branĉo al branĉo. Grandegaj testudoj kuŝis dormante sur la varmega ŝlimo. Kaj la arboj estis plenaj je simioj kaj pavoj.

Plue kaj plue li iris, ĝis kiam li atingis la randon de l' arbaro; jen li ekvidis sennombrajn homojn, kiuj laboris en la sekiĝinta fluujo de rivero. Ili svarmis sur la ŝtonegoj kiel formikoj. Ili boris profundajn kavaĵojn en la teron kaj malsuprenrampis en ilin. Kelkaj el ili fendis rokon per grandaj pioĉoj; aliaj fosis en la sablo. Ili elŝiris kaktojn kune kun ĝiaj radikoj kaj dispremis per la piedoj la skarlatajn florojn. Ili rapidis tien ĉi kaj tien kaj vokis unuj al aliaj, kaj neniu mallaboris.

El la mallumo de kaverno ilin observis Morto kaj Havemo, kaj Morto diris:

— Mi estas laca; donu al mi trionon da ili kaj lasu min foriri.

Sed Havemo skuis nee la kapon.

— Ili estas miaj servistoj, — ĝi respondis.

Kaj Morto diris al ĝi: „Kion vi havas en la mano?"

— Mi havas tri grajnojn — ĝi respondis —, kian intereson vi havas je tio?

— Donu al mi unu el ili — kriis Morto —, por ke mi plantu ĝin en mia ĝardeno; nur unu el ili, kaj mi foriros.

— Nenion mi donos al vi — diris Havemo —, kaj ĝi kaŝis sian manon en faldo de sia vesto.

Kaj ekridante Morto prenis vazon kaj trempis ĝin en akvomarĉeton; kaj el la vazo leviĝis Intermita Febro. Ĝi trairis la sennombran amason da homoj kaj triono da ili falis malvivaj. Malvarma nebulo sekvis ĝin, kaj akvoserpentoj glitis apud ĝi.

Kaj vidinte, ke triono de la homamaso mortis, Havemo batis sian bruston kaj ekploris. Ĝi batis sian sterilan bruston kaj laŭte vekriis:

— Vi mortbatis trionon de miaj servistoj — ĝi kriis —, iru for! — Regas milito en la montoj de Tatarujo, kaj la reĝoj de ambaŭ partioj vin vokas. La Afganoj mortbatis la nigran bovoviron kaj iras batalon. Ili tintigis siajn ŝildojn per lancoj kaj surkapigis siajn ferajn kaskojn. — Kian intereson vi havas je mia valo, ke vi restadas en ĝi? Iru for kaj neniam revenu!

— Jes — Morto respondis —, sed antaŭ ol vi donis al mi unu el la grajnoj, mi ne foriros.

Sed Havemo skuis nee la kapon:

— Nenion mi donos al vi — ĝi murmuris.

Kaj ekridante Morto levis nigran ŝtonon kaj ĵetis ĝin en la arbaron; kaj el densejo de cikutoj eliĝis Malario vestita per flamoj. Kaj ĝi trairis la homamason tuŝante ĝin; kaj ĉiu, kiun ĝi tuŝis, ekmortis. La herboj velkis sub ĝiaj piedoj, kien ajn ĝi iris.

Kaj Havemo ektremis kaj ŝutis cindron sur sian kapon.

— Vi estas kruela - ĝi kriis —, vi estas kruela! — En la muregumitaj urboj de Egipto regas malsatego, kaj la cisternoj sekiĝis en Samarkando. En la muregumitaj urboj de Egipto regas malsatego, kaj el la dezerto venis la akridoj. Nilo ne superverŝis siajn bordojn kaj la patroj malbenis Izison kaj Ozirison. Al ili iru, kiuj vin bezonas, kaj ne forprenu miajn servistojn!

— Jes — Morto respondis —, sed antaŭ ol vi donis al mi unu el la grajnoj, mi ne foriros.

— Nenion mi donos al vi — diris Havemo.

Kaj denove ekridante Morto fajfis tra la fingroj kaj virino alflugis tra la aero. „Pesto" estis skribita sur ŝia frunto. Kaj aro de malgrasaj vulturoj ŝin ĉirkaŭflirtis. Ŝi ekkovris la valon per siaj flugiloj, kaj neniu restis vivanta.

Kaj vekriante Havemo forkuris tra la arbaro, kaj Morto saltis sur sian ruĝan ĉevalon, kaj ĝia ĉevalo estis pli rapida ol la vento.

Kaj el la ŝlima fundo de l' valo elrampis drakoj kaj abomenaj bestoj tuberumitaj, kaj ŝakaloj alkuris laŭlonge de la sablaĵo enspirante la aeron per siaj naztruoj.

Kaj la juna reĝo ekploris kaj demandis:

— Kiuj estis la viroj kaj kion ili serĉis?

— Rubenojn por la krono de reĝo — respondis iu, kiu staris post li.

Kaj la juna reĝo ektremis kaj sin turninte li ekvidis viron, vestitan kiel pilgrimanto, kiu havis en sia mano arĝentan spegulon.

Li paliĝis kaj demandis:

— Por la krono de kiu reĝo?

Kaj la pilgrimanto respondis:

— Rigardu en la spegulon. Jen vi vidos lin.

Kaj li rigardis en la spegulon kaj ekvidinte sian propran vizaĝon, li elbrustigis laŭtan krion kaj vekiĝis; kaj la hela sunlumo radiis en la ĉambron, kaj de sur la arboj kantis la birdoj.

Kaj la kanceliero kaj la altranguloj de l' ŝtato eniris kaj riverencis, kaj la paĝioj alportis por li la vestaĵon, el teksita oro kaj metis antaŭ lin la kronon kaj la sceptron.

Kaj la juna reĝo rigardis ilin ambaŭ, kaj ili estis belegaj. Sed li pensis pri siaj sonĝoj kaj diris al siaj altranguloj:

— Prenu for ĉi tiujn objektojn, ĉar mi ne portos ilin.

Kaj la korteganoj konsterniĝis kaj kelkaj el ili ridis, ĉar ili pensis, ke li ŝercas.

Sed severtone li diris al ili duafoje:

— Prenu for ĉi tiujn objektojn kaj kaŝu ilin de mi. Kvankam estas la tago de mia kronado, tamen mi ne portos ilin; ĉar per la teksostablo de l' zorgo kaj per la blankaj manoj de l' doloro estas teksita ĉi tiu mia vestaĵo. Sango estas en la koro de l' rubeno kaj en la koro de l' perlo estas la morto.

Kaj li rakontis al ili siajn tri sonĝojn.

Kaj aŭskultinte la sonĝojn la korteganoj rigardis unuj la aliajn kaj flustris:

— Certe li freneziĝis; ĉar sonĝo estas sonĝo kaj vizio estas vizio kaj nenio krom tio. Ili ne estas realaĵoj, ke oni atentu ilin. Kaj kian intereson ni havas je la vivo de tiuj, kiuj por ni laboras? Ĉu homo ne manĝu panon, antaŭ ol li vidis la semunton aŭ ne trinku vinon, antaŭ ol li parolis kun la vitkulturisto?

Kaj la kanceliero diris al la juna reĝo:

— Estro, mi petas vin, forpelu viajn nigrajn pensojn, surmetu ĉi tiun belan vestaĵon kaj surkapigu la kronon. Ĉar kiel la popolo povos ekscii, ke vi estas la reĝo, se vi ne surhavos reĝan vestaĵon?

Kaj la juna reĝo rigardis lin:

— Ĉu efektive tiel estas? — li demandis.

— Ĉu ili ne ekkonos min, se mi ne surhavos reĝan vestaĵon?

— Ili ne ekkonos vin, estro, — kriis la kanceliero.

— Mi pensis, ke ekzistaj viroj, kiuj *estas* reĝaj, — li respondis — sed povas esti, ke vi estas prava. Kaj tamen mi nek portos tiun ĉi vestaĵon, nek mi lasos min kronumi per tiu ĉi krono; sed, kia mi venis en la palacon, tia mi el ĝi foriros.

Kaj li ordonis, ke ĉiuj eliru escepte de unu paĝio, kiun li restigis ĉe si, knabon je unu jaro malpli aĝan ol li mem; kaj sin baninte en klara akvo, li malfermis grandan, malnovegan keston, kaj elprenis el ĝi la krudan ledojakon kaj la vilan mantelon el ŝafa pelto, kiujn li surhavis, kiam li gardis sur la deklivo la vilajn kaprinojn de l' paŝtisto. Ilin li surmetis kaj en la manon li prenis sian simplan bastonon de paŝtisto.

Kaj la malgranda paĝio larĝe malfermis siajn bluajn okulojn kaj diris kun rideto:

— Estro, mi vidas viajn vestaĵon kaj sceptron, sed kie estas via krono?

Kaj la juna reĝo rompis branĉeton de sovaĝa arbetaĵo, kiu rampis trans la balkonon, ĝin ronde fleksis kaj surkapigis ĝin.

— Ĝi estu mia krono — li respondis.

Kaj tiel vestite li eliris el sia ĉambro en la grandan salonon, kie la nobeloj lin atendis.

Kaj mokante kelkaj el ili kriis al li:

— Estro, la popolo atendas sian reĝon kaj vi vidigas al ĝi almozulon.

Kaj aliaj diris kolere:

— Li venigas malhonoron sur nian ŝtaton, kaj li ne estas inda regi super ni.

Sed li ne rediris eĉ unu vorton, sed elpaŝis kaj malsupreniris sur la brilanta ŝtuparo el porfiro kaj plue tra la bronza pordego, kaj surĉevaliĝinte li rajdis al la katedralo, dum la paĝio kuris apud li.

Kaj la popolo ridis kaj diris:

— Jen preterrajdas la arlekeno de l' reĝo. — kaj ili mokis lin. Sed li retiris la bridilojn kaj diris:

## PROFETON NE

B. SMETANA

— Ne, ĉar mi estas la reĝo. Kaj li rakontis al ili siajn tri sonĝojn.

Kaj el la homamaso alpaŝis antaŭen viro kaj diris al li malbonhumore!

— Estro, ĉu vi ne scias, ke la lukso de la riĉuloj nutras la vivon de la malriĉuloj? Per via pompo ni satiĝas kaj viaj diboĉadoj donas al ni panon. Maldolĉe estas labori por severa estro, sed pli maldolĉe estas ne havi estron, por kiu oni povas labori. Ĉu vi opinias, ke la korvoj alportas al ni nutraĵon? Kaj kian rimedon vi havas kontraŭ tiu mizero? Ĉu vi diros el la aĉetanto: Aĉetu por tiom kaj tiom kaj al la negocisto: Vendu je tiu kaj tiu prezo? Ĉi tion mi ne supozas. Do reiru en vian palacon kaj surmetu vian purpuron kaj vian delikatan tolaĵon. Kian intereson vi havas je ni kaj je tio, kion ni suferas?

— Ĉu riĉuloj kaj malriĉuloj ne estas fratoj? — demandis la juna reĝo.

— Certe, — respondis la viro — kaj la nomo de la riĉa frato estas Kain.

Kaj la okuloj de l'juna reĝo pleniĝis je larmoj, kaj li plurajdis, dum la popolo murmuradis. Kaj la malgranda paĝio ektimis kaj forlasis lin.

Kaj kiam li atingis la portalon de la katedralo, la soldatoj etendis kontraŭ li siajn halebardojn kaj diris:

— Kion vi serĉas ĉi tie? Tra tiu ĉi pordo eniras nur la reĝo.

Kaj lia vizaĝo ruĝiĝis pro kolero kaj li diris:

— Mi estas la reĝo — kaj flanken puŝinte iliajn halebardojn, li eniris.

Kaj kiam la maljuna episkopo lin vidis alvenanta en

## ...NE ŠTONBATU!...

TEKSTO: V. HÁLEK (—MILOŠ LUKÁŠ)

ia paŝtista vestaĵo, li leviĝis mirante desur sia trono kaj diris:

— Mia filo, ĉu tio estas la vestaĵo de reĝo? Kaj per kiu krono mi vin kronumu kaj kiun sceptron mi metu en viajn manojn? Vere, la hodiaŭa tago estis destinita kiel tago de ĝojo kaj ne de humiliĝo.

— Ĉu la ĝojo portu, kion kreis la ĉagreno? — diris la juna reĝo. Kaj li rakontis al li siajn tri sonĝojn.

Kaj aŭskultinte ilin la episkopo sulkigis sian frunton kaj diris:

— Mia filo, mi estas maljuna kaj en la vintro de miaj tagoj, kaj mi scias ke multaj malbonaj aferoj okazas en la vasta mondo. Sovaĝaj rabistoj venas desur la montoj, rabas malgrandajn infanojn kaj vendas ilin al la nigruloj. Leonoj kuŝas atendante la karavanojn kaj sin ĵetas je la kameloj. Sovaĝaj porkviroj elterigas la grenon en la valo kaj vulpoj manĝetas la vinberojn sur la montetoj. Piratoj dezertigas la bordon de l' maro, bruldetruas la ŝipojn de l' fiŝistoj kaj ŝtelas iliajn retojn. En la salaj marĉoj vivas lepruloj kaj loĝas en domoj el plektitaj kanoj, kaj al neniu estas permesita alproksimiĝi al ili. Almozuloj travagas la urbojn kaj manĝas sian panon kune kun la hundoj. Ĉu vi povas malebligi, ke tiel estu? Ĉu la leono faru, kion vi ordonis, kaj ĉu la sovaĝa porkviro al vi obeu? Ĉu Li, kiu kreis la mizeron, ne estas pli saĝa ol vi? Tial mi ne laŭdas vin pro tio, kion vi faris, sed mi ordonas al vi reiri en la palacon, gajiĝi vian vizaĝon kaj surmeti la vestaĵon, kiu konvenas al reĝo. Kaj per la ora krono mi vin kronumos, kaj la perlosceptron mi metos en vian manon. Kaj pri la sonĝoj ne pensu plu. La ŝarĝo de tiu ĉi mondo estas tro granda al *unu* homo, por ĝin porti, kaj la mizero de la mondo tro peza al *unu* koro, por ĝin suferi.

— Ĉu tion vi diras en tiu ĉi domo? — diris la juna reĝo kaj preterpaŝis la episkopon, suriris la ŝtupojn de l' altaro kaj haltis antaŭ la krucifikso.

Li haltis antaŭ la krucifikso kaj je lia dekstra mano kaj je lia maldekstra mano staris la belegaj orvazoj, la kaliko kun flava vino kaj la ujo kun la sanktoleo. Li surgenuiĝis antaŭ la krucifikso, kaj la altaj kandeloj hele lumis apud la juvelumita monstranco, kaj la incensa fumo supreniĝis kirle ĝis la kupolo per maldensaj, bluaj nubetoj. Li klinis la kapon, por preĝi, kaj la pastroj kun siaj rigidaj ĥorvestaĵoj malrapide sin forŝovis, de la stratoj aŭdiĝis tumulta bruo kaj superforte eniris la nobeloj kun nudaj glavoj kaj balanciĝantaj kaskoplumoj kaj ŝildoj el brila ŝtalo.

— Kie estas la sonĝemulo? — ili ekkriis —, kie estas tiu reĝo, kiu sin vestis kiel almozulo? — tiu knabo, kiu venigas malhonoron sur nian ŝtaton? Vere ni mortbatos lin, ĉar li estas malinda regi super ni.

Kaj denove la juna reĝo klinis la kapon kaj longe preĝis; kaj fininte la preĝon li stariĝis, sin turnis kaj plene de malĝojo malsuprenrigardis al ili.

Kaj jen! tra la pentritaj fenestroj eniĝis la suna lumo kaj ĉirkaŭradiis lin; kaj la radioj de la suno teksis ĉirkaŭ lin vestaĵon, pli belegan ol la vestaĵo, kiun oni kreis por lia ĝojo. La senviva bastono ekfloris kaj portis liliojn pli blankajn ol perloj. La seka branĉo ekfloris kaj portis rozojn pli ruĝajn ol rubenoj. Pli blankaj ol belaj perloj estis la lilioj kaj iliaj trunkoj estis el brila arĝento. Pli ruĝaj ol rubenoj estis la rozoj kaj iliaj folioj estis el reliefigita oro. Li staris en la vestaĵo de reĝo, kaj la pordoj de la juvelita ŝranko malfermiĝis, kaj la kristalo de la brila monstranco elradiis belegan misteran lumon. Kaj la glorbrilo de Dio plenigis la spacon, kaj la sanktuloj en la skulptitaj niĉoj ŝajnis sin movi. En la pompa vestaĵo de reĝo li staris antaŭ ili, kaj la orgeno dissendis siain melodiojn, kaj la trumpetistoj blovis fanfarojn, kaj la ĥorknaboj kantis.

Kaj pro pia respekto la popolo falis sur la genuojn, kaj la nobeloj eningigis siajn glavojn kaj riverencis, kaj la vizaĝo de l' episkopo paliĝis kaj liaj manoj tremis.

— Pli granda, ol mi estas, vin kronumis — li kriis kaj surgenuis antaŭ li.

Kaj la juna reĝo malsupreniris de la altaro kaj iris hejmen tra la mezo de l' popolo. Sed neniu kuraĝis rigardi lian vizaĝon, ĉar ĝi estis kiel la vizaĝo de anĝelo.

El la angla: *Zanoni*

## *SILENTO...*

Vi, kara, klinis la kapeton
Al brusto mia
Kaj teksas ĉirkaŭ ni mirindan reton
Silento: la teksist' magia...
Ah, kvazaŭ tim'
Vekiĝas en anim':
Ke vorton vi eldiros
Kaj tiun sorĉan reton vi disŝiros...

*K. de Kalocsay*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VÁRSÁNYI: HONORÉ DAUMIER

La karikaturarto prenas siajn temojn el la ĉiutaga vivo, kies groteskajn flankojn ĝi figuras kun facila humoro, aŭ akra moko. Ĝi tenas antaŭ ni mirindan kurban spegulon, en kiu ĝi prezentas al ni erarojn kaj malperfektaĵojn de individuoj kaj epokoj, ĉiujn sarkindaĵojn de l' politika, socia kaj ekonomia vivo. Ĉar ĝiaj radikoj estas en la ĉiutaga vivo, do ankaŭ ĝia efekto valoras nur en ĝia tempo. Poste iom post iom ĝi perdas ion el sia vivforto; ĝia aktualeco ĉesas kaj pro tio ankaŭ ĝia humorefekto ĉiam plimalgrasiĝas, tiel, ke ni jam ne sentas en ĝi tiun sorĉan povon, kiu ridigis la samtempanojn; ni rigardas ĝin nur kun silenta, komprenema rideto, kiel la petolaĵojn de l' malgrandaj infanoj.



H. Daumier El la serio: „Sinbanantoj"

Sed estas homaj malperfektaĵoj kaj eraroj, kiuj estas sendependaj de la epoko: ili ekzistis kaj ankaŭ ekzistos en ĉiuj tempoj. Kaj en la mondrigardo de granda artisto ili disstreĉas la mallarĝajn kadrojn de l' ĉiutaga vivo kaj ekhavas akcenton, kiu pliintensigas ilian efikon ĝis monumentaleco. Kio estas sendependa de l' tempo kaj epoko, kio jam ĉeestis ankaŭ la naskiĝon de l' Homo kaj akompanas lin plue sur la vojo de l' vivo, kio estas senŝanĝa, eterne homa, tion donas al ni la arto de *Daumier* kaj tio ĉi levas lin alten el la granda amaso de l' karikaturistoj.

*

*Honoré Daumier* naskiĝis la 26-an de februaro 1808, en *Marseille.* Lia patro estis majstro en tiea vitraĵfabriko kaj en sia libertempo — poeto. Ĉar la urbon li trovis tro malgranda por tie valorigi sin, en la jaro 1815 li transloĝiĝis kun sia familio Parizon. Ĉi tie la ekprospero tamen ĉiam prokrastiĝis: la poemoj ne portis panon en la hejmon. Venis granda mizero, kies ŝarĝoj premegis ankaŭ la ŝultrojn de l' malgranda Honoré. Unue li fariĝis elkuristo ĉe ekzekvisto, poste servisto ĉe librovendisto, sed li nenie havis persiston kaj restemon: vekiĝis en ĝi la delonge dormetanta sopiro je desegnado. Nepre kaj ĉiel li volis desegni. Lia bona sorto akiris por li la protekton de l'fama arĥeologo *Alexandre Lenoir*, kiu mem komencis instrui lin. Sed liaj inklinoj ĉiam pli altiris lin al la litografio, ĉar li baldaŭ rekonis la esprim-eblaĵojn kaŝiĝantajn en ĝi. Li venis en la laborejon de litografisto *Ramelet*, kie li povis labori laŭ sia plaĉo. Intertempe li vizitis la akademion de *Boudin*, sed tio ne havis influon al la evoluo de lia arto, ĉar lia formomemoro estis tiel intensa, ke ankaŭ tiam apenaŭ kaj poste neniam li bezonis desegni pri modelo.

Liaj unuaj folioj plejparte perdiĝis, sed ankaŭ la postrestintaj donas grandiozajn ekzemplojn de lia unika formomemoro kaj karakterizkapablo. Lia plej malnova postrestinta folio: *„Mayeux chez les filles de joie"*, kreiĝis en la jaro 1829 En ĉi tiu kaj en kelkaj postaj verkaĵoj ankoraŭ estas senteblaj la impresoj de *Charlet* kaj *Traviès.*

En novembro de 1830 *Charles Philipon* fondis la revuon *„La Caricature"*, kiu aperis semajne en kvarpaĝa amplekso, kun du litografitaj aldonoj. Kunlaborantoj fariĝis: *Charlet, Pigal, Traviès, Monnier, Gavarni* kaj *Decamps.* Ĝia sola programo estis la atako kontraŭ la julia monarkio. En la intereso de tiu ĉi celo movis *Philipon* sian tutan gvardion. Li disdonis siajn ordonojn kvazaŭ militestro kaj kvazaŭ soldatoj obeis lin liaj kunlaborantoj. Per sia akra vido li tuj rimarkis la evoluantan talenton de Daumier kaj prenis lin al la revuo kiel kunlaboranton. Ĉi tie Daumier trovis la sferon jam delonge serĉitan. Liaj politikaj pasioj kondukis lin al la politika karikaturo. Karikaturoj ardantaj de revolucia spirito, direktitaj kontraŭ la reganta reĝimo, sed precipe kontraŭ la persono de reĝo *Louis Philippe* venis el liaj manoj unu post la alia. Lia unua folio desegnita por la revuo figuras la reĝon kun venena moko kiel *Gargantua*'n. Pro ĉi tiu lia karikaturo, kvankam ĝi eĉ ne aperis, oni starigis lin antaŭ tribunalon kaj kondamnis lin pro reĝofendo je sesmonata arestejo; sed la plenumo de l' juĝo estis prokrastita.

Sed ĉi tiu juĝo ne povis forpreni la emon de Daumier al la plua laboro, senindulge li marŝis plu sur la ekirita vojo. Lia unua aperinta folio: *„Trés humbles, trés soumis, trés obéissants servi-*

*teurs du royaume*“ figuras politikistojn kuŝantajn surventre antaŭ la trono, garnitajn per ordenoj kaj monsaketoj. Lia dua folio estas: „*Le sauchemar de Lafayette*“, kiu prezentas la grandan militestron dormanta sur kanapo, kun stranga piro sur lia ventro. La piro kaj Louis Philippe! La eltrovemo de l' karikaturistoj vidante la sube larĝan, alsupre mallarĝiĝantan kapon de Louis Philippe, asociis al ĉi tiu stranga kranioformo — la piron, kaj de tiam la piro fariĝis kvazaŭ simbolo de la sidejo de l' majesta cerbo. La kuraĝo de Daumier jam atingis la plej altan gradon: en la bildo de l' piro li eĉ pendigis la reĝon. Sur sia litografaĵo: „*Masques 1831*“ li donas karikaturojn de l' politikistoj, kune kun la nemalhavebla piro. Kiam li primokis jam ankaŭ la parizan policestron *Gisquet*, plu ne estis por li indulgo, li devis sidi ses monatojn en la *Ste. Pelagie*. Sed sian sorton li ne rigardis tragedia; la mallibereco ne povis forpreni lian superecan humoron, al siaj amikoj li sendis ŝercajn sciigojn pri sia stato. Li amikiĝis kun poŝŝtelistoj, rompŝtelistoj kaj vagistoj, kiuj ĉirkaŭis lin kun granda respekto kaj siajn impresojn li enmagazenigis — por pli bonaj tempoj — en sia unika memoro. Por rapidigi la horojn de l' enuo, li pentris ankaŭ tre multajn akvarelojn, kiuj estas grandiozaj pecoj de lia arto.

Li liberiĝis en februaro de 1833, kun tute freŝa korpo kaj animo, sen postsigno de l' tempo pasigita en la malliberejo. Sed la politikan satiron li forĵetis. Ankaŭ la tempo ne estis favora por ĝi, ĉar la registaro metis pezajn katenojn sur la gazetaron, kiu malebligis la pluan aperon ankaŭ de *La Caricature*. La 27-an de aŭgusto 1835 ĝi definitive ĉesis. En la jaro 1835 la t. n. „septembraj leĝoj“ malpermesis la politikajn karikaturojn. Sed post la ŝanĝiĝoj de politikaj cirkonstancoj Daumier ree kaj ree venis al sia unua amo. Dum la revoluciaj jaroj 1848—49 kaj dum la milito, en 1870—71, li denove turnis sin al la politika karikaturo. Sed inter liaj verkaĵoj tiam faritaj estas ankaŭ seriozaj, amaraj alegoriaj folioj.



H. Daumier — Kiun jam eĉ *Louis Philippe* ne trovas danĝera

Kiel aldonon al *La Caricature*, sub la titolo *L'Association Mensuelle*, Philipon eldonis ampleksan litografaĵserion. En ĉi tiu serio Daumier desegnis kvin foliojn, nome: „La reĝaj homburĝonoj“, „Enterigo de Lafayette“, Gazetarlibereco, „Rue Transnonain“ (kiu ne estas karikaturo sed naturalisma bildo pri detruita burĝa ĉambro kaj pri ĝiaj buĉitaj loĝantoj) kaj la „Leĝdonanta ventro“. Ĉi tiu lasta estas unu el liaj plej sukcesintaj verkaĵoj,

Post la ĉeso de *La Caricature* Daumier laboris plue ĉe alia revuo de Philipon, ĉe la *Charivari*. Ĉi tie la plej tranĉaj sociaj kaj moralkarikaturoj, maturigitaj per lia pesimismo — aŭ denaska, aŭ kaŭzita de l' vivo — venis el liaj manoj unu post la alia. Li travidis la senfundajn profundaĵojn de l' homa socio, la labirintojn de l' sociaj malbonaĵoj kaj groteskaĵoj kaj de tie li levis al la sunlumo la plej monstrajn figurojn de l' homa krudeco, malboneco, egoismo kaj malŝaĝo. Profunde li sondis la vespejon de la t. n. „bonburĝaj virtoj“ kaj malkaŝis la bagateleman profitemon. Per sia mirinda formscio kaj fizionomia sento li penetris en la plej sekretajn profundojn de l' homa animo, kies dormetantajn malicajn inklinojn kaj malbonajn pasiojn li akravide rimarkis kaj senindulge esprimis en siaj verkoj. Li konis ĉiun karakterizan trajton de la urba vivo; se li volis, li povis paroli same en la dialekto de l' „supra dekmilo“, kiel per la ŝlango de l' antaŭurbaj proletarioj. Li desegnis tutajn seriojn, kiel ekzemple: „La amuziĝanta Parizo“, „Saĝegaj virinoj“, „Juĝistoj“, „Bonaj burĝoj“, „Bohemoj“, „Sinbanantoj“, „Burĝoj“, „Sinbanantaj virinoj“, ktp. Per la figuro de *Roberto Macaire* li starigis al hontokolono la tutan socion de l' XIX-a jarcento. Li formis siajn figurojn ankaŭ el argilo, tiel penetrante kvazaŭ ĝis la renoj. Ĉi tiuj argilfiguroj estas unuarangaj majstroverkoj.

La multa laboro jam tre peze ŝarĝis liajn ŝultrojn; li jam deziris liberiĝi, por poste dediĉi sin nur por la pentrado, kio estis lia delonga sopiro. En 1860 li forlasis la gazeton *Charivari* kaj dediĉis sian tutan tempon al la pentrado. Sed jam post du jaroj la zorgoj de l' ĉiutaga vivo pelis lin denove sub lian malnovan jugon, sub kiu li turmente penegis ĝis la jaro 1877, kiam liaj okuloj rifuzis la pluan servon. En 1878 li retiriĝis en sian dometon, al *Valmodvis*, en la valo de l' *Oise*, kiun ankoraŭ lia amiko *Corot* aĉetis por li. Li mortis tie, la 11-an de februaro 1879.

Dum sia kvindekjara laboro Daumier tre multe verkis. Pri la grandegaj dimensioj de lia produktemo montru jenaj ciferoj: li faris 400 olepentraĵojn, akvarelojn kaj desegnaĵojn, 900 ksilografaĵojn kaj 4000 litografaĵojn.

La unuaj litografaĵoj de Daumier estas ankoraŭ seninteresaj, ankoraŭ vidiĝas sur ili la necerteco de l' komencanto. Iliaj linioj estas timemaj, singardemaj, la formoj ankoraŭ ne sufiĉe decidaj. Liaj kolegoj jam estis pli multe lertaj, ĉar ili havis ŝlosilon al ĉiuj sekretoj de l' tekniko. Sed kion li ne povis ellerni ĉe *Ramelet*, al tio iu gvidis lin, eble iu el liaj amikoj. Iu malkaŝis al li la novajn artifikojn de l' arta litografio, kiuj montris al li novajn perspektivojn. Subite elkreskis liaj flugiloj kaj baldaŭ levis lin alten, super liajn kunulojn. Al lia plastika figuradmaniero aliĝis ankaŭ la pentrisma realigo de l' spaco, aero, lumo kaj ombro, poste, en lia maljunaĝo, la movproblemo, en ekscitita, patosa prezentado.

*

La figuro de Honoré Daumier monumentale leviĝas el la arthistorio. La *Michelangelo* de l' karikaturo — diras pri li *Balzac*. Lia vivo estas kvazaŭ mirinda mistero. Li aperis en la pordego de l' XIX-a centjaro kvazaŭ mistera fremdulo, havanta trezoron neniam viditan. Sur liaj lipoj sidis ia neklarigebla moka esprimo, venanta el la plej sekreta profundo de l' animo. Kaj kiam li malkovris sian havaĵon, sian mirindan spegulon, la mondo dentgrince rekonis en ĝi sin mem.

---

# LA FAKIRO

J. PORUKS

Li estis virta homo, tamen Brama senigis lin de edzino kaj kvar infanoj. Ĝenerale, Brama ne ŝatas, se la homoj plialtiĝas en sia opinio kaj ili pensas, ke ili eksciis la veron. Li elpensis por la homo pekojn ne forpreninte de li tamen la virtojn, por ke la homo ne pereu tute. Brama enuis kaj komencis amuzi sin per la homoj, kiuj kvazaŭ rabobirdoj elpikadis okulojn unu al alia, baraktis en mallumo de nescio kaj puŝadis unu la alian kun rido kaj ploro.

Sed Mantra ne similis al ili. Li suriris altan monton kaj de tie li vidis ĉion ĉi tion. Li ekkomprenis, kian rolon ludas la homo en la amuzoj de Brama kaj revenis hejmen malĝoje, ĝemspirante kun saketo da rizo sur la ŝultroj. Hejme lin akceptis edzino, bela, altkreska hindino, kiu estis naskinta al sia amata Mantra kvar infanojn.

— Infanoj, mi batalos por vi — diris Mantra doninte la saketon kun rizo al la edzino. — Al vi minacas danĝero. Mi estis sur la plej alta monto kaj vidis, ke la malamiko alproksimiĝas. La malamikoj estas multaj, tre multaj, kaj iliaj sagoj estas venenitaj. Sed mi defendos vin.

— Ni preĝu al Brama — mallaŭte diris la edzino —, li nin defendos.

Mantra enpensiĝis kaj kiam venis la vespero, li ekiris al la sankta rivero kaj preĝis en soleco ĝis tagiĝo.

— Brama! vi sendas al ni malamikojn. Per kio ni kolerigis vin. Paĉe kaj kontente ni vivis en tiu ĉi valo. Mi, mia edzino kaj miaj infanoj al neniu faris malbonon. Kial do vi persekutas nin, Brama?

Tiel parolis Mantra en la mallumo de l' nokto. Li volis ricevi de Brama justan juĝon.

— Faru, ke la malfeliĉo preterpasu nin kaj ni restu vivaj...

Sed lia preĝo al Brama ne plaĉis. Mantra ne fleksis sin antaŭ li kvazaŭ vermo. Ĉiuj staris antaŭ li surgenue, kvazaŭ sklavoj, nur la sola Mantra volis esti pli alta kaj postulis de li la veron.

— Mantra, vi estas krimulo — severe komencis Brama. — Vi mortpremis per viaj piedoj milojn da vermoj kaj insektoj, kiuj mi kreis por mia gloro. Viaj infanoj disŝiris en herbejoj florojn, kiuj min ĝojigas. Kaj via edzino forgesas preĝi al mi matene — unue ŝi kisas siajn infanojn; kaj eĉ se iam ŝi ekmemoras Brama'n, tiam, malgraŭ tio, ke ŝiaj lipoj flustradas la vortojn de l' preĝo, ŝia koro apartenas al vi kaj viaj infanoj. Kaj vi mem, Mantra, fariĝis tro sinfida, vi pensas, ke vi ekkonis la veron. Tial pentu pri viaj pekoj, se vi volas, ke mi liberigu vin de la malamikoj.

— Brama, vi estas neprava — ekkriis Mantra — kaj tial pri nenio mi povas malĝoji, krom via maljusteco, ho ĉiopova! — Kaj fiere direktis Mantra sian rigardon al la ĉielo. Tiam Brama, staranta antaŭ li en sia plena majesteco, malaperis akompanata de terura bruego, kaj Mantra de timo falis teren. Kiam li rekonsciiĝis estis jam mateno kaj super la kanaro de l' sankta rivero flugadis grandega aro da birdoj. Mantra ekrapidis tra la nebulo al sia loĝejo. Sed sur la montpinto, de kie li perfekte povis vidi ĉion, kio okazas en la valo, liaj genuoj ekfleksiĝis kaj lia koro kunpremiĝis de terura doloro. El lia loĝejo restis nur amaso da cindro, de kiu ankoraŭ leviĝis fluetoj de blueta fumo.

— Mia edzino, miaj infanoj! La malamikoj sendube mortigis vin! — ekkriis Mantra en malespero.

Li trovis la edzinon kaj infanojn en la korto, kie kuŝis multego da venenitaj sagoj.

— Brama! — levinte la manojn al la ĉielo, ekkriis Mantra. — Brama, kion vi faris? Ĉu vi trovas ĝojon en mia malfeliĉo? — Kaj malĝoje

ploris Mantra, ĉirkaŭpreninte la kadavrojn, jen de sia amata edzino, jen de siaj karaj infanoj. Poste li enterigis ilin kaj ornamis iliajn tombojn per floroj. Du tagojn kaj du noktojn li pasigis ĉe iliaj tomboj.

— Ho, kiel mi dezirus nun morti. Mi ne havas ĝojon en la vivo — mallaŭte flustris Mantra, irante al la sankta rivero. — Sed antaŭe mi volas esti certa, ke mi ne eraris. Kaj kuniginte siajn lastajn fortojn, li komencis suriri la altan monton por ankoraŭ unufoje ekrigardi ĉi tiun monton. Mantra vidis malproksime, malproksime ĉirkaŭe kaj li certiĝis, ke ĉio restis sama, kia ĝi estis antaŭe. Elefanto batalis kun tigro, ĝis kiam ĉi tiu falis ĉe ĝiaj piedoj, kaj la venkinto daŭrigis sian vojon, kvazaŭ nenio estus okazinta. Sed subite la elefanton atakis potenca leono kaj, apenaŭ ĝi sukcesis mortigi sian viktimon, kiam li, la reĝo de l' bestoj, estis atakita de grandega pitono, kiu, volvinte sin ĉirkaŭ la korpo de l' leono, sufokis ĝin dum kelkaj minutoj. En tiu ĉi momento el la arbaro aperis homoj kaj komencis ĵeti siajn venenitajn sagojn en la terurigan serpenton, ĝis kiam tiu, tordiĝante de doloro, mortis. La homoj ekĝojis pri sia sukceso kaj komencis gajan festenon. Unu el ili foriris trinki al fonto, kiu ŝprucis el roko.


H. Daumier — En ateliero

Sed subite, forgesinte sian soifon, li ekkaptis per manoj ion firman kaj komencis penege labori ĝis kiam li derompis de l' roko brilantan pecon da metalo. „Oro, oro!“ ekkriis li, levinte super sia kapo la brilantan en suno orpecon. Sed alia el la ĉasistoj, rimarkinte tion, mortigis la unuan, ekposedante lian trovaĵon.

Ankaŭ tiu ĉi apenaŭ sukcesis foriri kelkajn paŝojn, kiam li falis, trafite de la sago de sia propra kamarado. Kaj tiel dum mallonga tempo la antaŭaj amikoj kaj kamaradoj mortigis unu la alian.

Kaj la lasta el ili, restinte viva, tenis la orpecon en la manoj, tremantaj de ekscito. Poste, kaŝinte la trezoron sur brusto, li ekkuris, por ke neniu lin atingu. Sed apud abismo lia piedo ekglitis kaj kun krio de teruro li renversiĝis en la senfundaĵon.

— Brama, mi estis prava — ekkriis Mantra —, la mondo servas al vi por amuzo kaj mi restos eterne via malamiko.

Kaj Mantra malsupreniris de la monto. Li faligis en la valo dikan arbon, proksime de l' tomboj de siaj karuloj, lasante stumpon je homa alteco, kaj Mantra ekstaris sur tiu ĉi stumpo kiel fakiro . . .

— Ne por via gloro, Brama, sed spite al vi kaj por la gloro de l' vero mi staros ĉi tie kaj suferos senparole malsaton kaj soifon ĝis kiam mia korpo polviĝos.

Kaj Mantra staris sur la alta arbostumpo jam sep jarojn kaj en la ĉirkaŭaĵo disvastiĝis famo pri lia sankteco.

En silenta timo preterpasis lin homoj kaj bestoj kaj li staris kaj persiste silentis. La vizaĝo de Mantra fariĝis griza, ĝi rememorigis graniton, la trajtoj ŝajnis ĉizitaj: minacantaj, profundpensaj, sed malvarmaj, kvankam la varmega Hinduja suno senkompate bruligis lian kapon. La volo de l' fakiro estis neŝanĝebla. Li staris sur tiu ĉi loko ĝis kiam lia korpo ruiniĝis kaj transformiĝis en polvon. La homoj opiniis ĉi tiun lokon sankta, ili venadis tien, restadis tie kaj imitis la kutimojn de l' fakiroj. Ili staris dum tagoj silente kaj senmove. Neniu el ili komprenis la sanktan obstinon de Mantra, kiu transformiĝis en polvon.

— — — — — — — — — — — — —

Kaj Brama reĝis . . .

*El la latva: E. JAUNVALKS*

# JUNULO

CHRISTIANE DE THRACY

Personoj: PIERRE, dekjara. — HUGONETTE, naŭjara. — CLAUDETTE, sepjara

## SCENO I.

*Hugonette kaj Claudette*

(Sin amuzas per la vestado de siaj pupoj.)

*Hugonette:* Ĉu vi scias?... *Pierre* ne volas plu sin amuzi kun ni per la pupoj. Li diris: „Mi estas jam tro granda por tio“ kaj li diris ankaŭ ke ili ne estas ludiloj por viro.

*Claudette (plorante):* Hi, hi, hi, hi... Sekve la pupoj ne havas plu patron.

*Hugonette:* Stulta vi estas... Estas ja egale... Ili havos du patrinojn... jen.

*Claudette:* Kie oni aĉetas la patrinojn?... Mi ne volas doni miajn groŝojn... Ĝi estas tro multekosta.

*Hugonette:* Vi neniam komprenas! Estas ni ambaŭ, kiuj estos la patrinoj de la pupoj.

*Claudette (plorante):* Hi, hi, hi, hi... Ne sufiĉe estas patro ... Pierre estas tro malĝentila!... Ni tuj metos al la pupoj nigrajn vestojn, ĉar ilia patro estas mortigita; tute nigrajn vestojn kun vualo tiel longa, ke oni povas marŝi sur ĝi.

(Ili serĉas ĉifonaĵojn en sia korbeto kaj vestas la pupojn tute nigraj).

## SCENO II.

*La samaj kaj Pierre.*

(Pierre eniras kun manoj en la poŝoj, fajfante).

*Hugonette:* Eliru, vi estas malbonulo. Vi plorigis vian fratineton.

*Pierre:* Tuj oni vidas ke vi estas knabinoj, vi nenion komprenas pri la vivo. (Ridante.) Ho, kiel ridige strangaj estas la pupoj tute nigre vestitaj. Ĉu ili funebras pri sia kato aŭ pri kanario?

*Claudette (plorante):* Hi, hi, hi, hi... Ili ne havas plu patron.

*Pierre:* Sed mi estas ja ilia patro, kaj mi tute ne mortis.

*Hugonette (grave):* Jes ja, vi estas mortinta, ĉar vi ne amas plu ilin.

*Pierre:* Ĉu vi eble volus, ke grandaĝa knabo kiel mi, sin amuzu ankoraŭ kun etulinoj kiel vi. Mi estas dekjara, mi havas du ciferojn; mi estas junulo kaj mi multege laboros por akiri vivrimedojn.

*Hugonette (mokeme):* Ho! junulo, jen estas pli bela ol ĉio! Kaj plie mi estas preskaŭ tiel granda kiel, vi (ŝi altigas sin apud li sur la piedpinto) kaj mi ne tiel afektas; cetere, kie estas viaj lipharoj?

*Claudette (ridante):* Li diras, ke li estas sinjoro, kaj li ne havas barbon.

*Pierre (furioze):* Mi estas la unuenaskito, kaj vi ŝuldas al mi respekton.

(Hugonette kaj Claudette ridegante riverencas).

*Pierre:* Vi neniam estos do seriozaj!

*Claudette:* Oni ĝuas la libertempon.

*Hugonette:* Eliru; ni ne deziras plu vin. La infanĉambro estas por la buboj. Oni ne akceptas ĉi tie sinjorojn, kaj ni, ni ĉiam estos knabinetoj.

*Pierre (fiere):* Ha! jes! etaj malspritulinoj!... Mi estas tiel ĝentila al vi, ke mi donis ĉiujn miajn groŝojn por aĉeti robojn por viaj pupoj.

*Hugonette:* Tute nature? Ĉar ili estas viaj filinetoj. Estas ĉiam la patroj, kiuj laboras por aĉeti robojn.

*Pierre (ĝemspirante):* Ha jes! la virinoj multekostas!... Vi estas ofte malbonkoraj. Estas ĉiam mi, kiu ludas la ĉevalon kaj vi skurĝas min sur la kruroj.

*Claudette:* Oni ne povas frapi la krurojn de la knabinetoj. Tio doloras... kaj plie oni ne povus sin dekolti por iri al balo kiam oni estos pliaĝa... oni havus skurĝvundojn sur la kruroj. Cetere la knabinetoj ne estas viroj, ili ne povas ludi la ĉevalojn.

*Pierre:* Kiaj babilulinoj vi estas!... Mi ordonas al vi silenti. Mi estas la unuenaskito... Vi devas al mi obei kaj min respekti, oni devas ĉiam ripeti al vi la samon.

*Claudette:* Mi ne obeas dum la ludtempo.

*Hugonette:* Mi obeos al mia edzo estonte, se li estas ĝentila, sed nur poste, nur post longe, kiam mi estos maljuna, tre maljuna.

*Pierre:* Mi, mi estas grandaĝa knabo. Al neniu mi obeas.

*Hugonette:* Se mi estus via patro kaj patrino, mi vangofrapus vin.

*Pierre (furioze):* Se vi ne estus knabineto, mi tuj vangofrapus vin. (Metante siajn pugnojn sub la nazon de Hugonette:) Ĉu vi scias boksi? Ne... Ĉu vi scias naĝi? Ne... Ĉu vi scias rajdi? Ne... vi konstatas, ke vi nenion scias, kaj ke vi ne estas knabo

*Hugonette:* Mi scias kuirsciencon, mi faris trufojn el ĉokolado.

*Claudette:* Vi ne volis doni el ili al mi, malbonaj ili estis, vi diris...

*Hugonette:* Tio ne estas vera... ili estis bonegaj, do mi manĝis ĉiujn.

*Pierre:* Fi! Fraŭlino! Manĝegulino kaj mensogulino! Kiel malbele!

*Hugonette:* Vi ne rajtas min riporĉi. Mi ne estas via filineto. Admonu viajn infanojn, estonte, kiam vi estos vere patro; cetere vi ŝuldas al mi ĝentilecon... kiel al la beletaj virinoj.

*Perre:* Kaj vi ŝuldas al mi obeon kaj respekton...

*Claudette:* Konsentite... oni al vi obeos kelkafoje... Kaj oni nomos vin sinjoro... vi estos la avo de la pupoj, ĉar vi estas tro maljuna por esti ilia patro... Plie mi ne plu frapos vin tiel forte, kiam vi ludos la sinjoron ĉevalon. (Fervore lin kisante): Ni tuj ludos ankoraŭ ĉiuj tri, ĉu ne mia Peĉjo, mia beleta sinjoro Peĉjo? oni ankoraŭ sin amuzos per la pupoj?

*Pierre:* Ha! jen la virinoj, kiel diris mia patro; oni fine ĉiam plenumas iliajn dezirojn!

El la franca: *Max Roub*

# LA AMO

A. H. TAMMSAARE



Iam vivis reĝido. Li estis fama pro sia saĝeco. El la tuta mondo venadis reĝidoj kaj reĝidinoj por aŭskulti lin. Sed tiu saĝa reĝido ne sciis, kio estas la amo.

Kaj okazis, ke li ekvidis reĝidinon, al kiu li ekdeziris edziĝi.

Kaj li alpaŝis al ŝi kaj diris:

„Ĉu vi volas fariĝi mia edzino?"

Sed la reĝidino tre malgajiĝis kaj respondis:

„Kiel mi povus fariĝi via edzino, se vi eĉ vorton pri amo ne diras al mi?"

Kaj la reĝido respondis:

„Ĉion mi scias, nur tion ne, kio estas la amo,"

„Do iru kaj eksciu", diris la reĝidino.

Kaj la reĝido foriris.

Unue li renkontis la printempon. Ĉu tiu portis akvokruĉon en la mano kaj similis junan virinon, ornamintan siajn buklojn per florkrono.

„Kio estas la amo?" demandis ĝin la reĝido.

„La amo estas ebrieco" respondis la printempo per malforta voĉo, streĉante siajn lacajn membrojn.

Daŭrigante sian vojon la reĝido renkontiĝis kun la somero. Kiam li ĝin demandis pri la amo, ĝi respondis ordigante sian pezan ŝarĝon:

„La amo estas doloro."

La someron sekvis la aŭtuno. Sed ĝi eĉ vorton ne diris al la reĝido; ĝi nur disŝetis foliojn en la bruantan venton kaj en ĝiaj okuloj estis legeble:

„La amo estas melankolio".

Kaj kiam la reĝido fine atingis la vintron, ĉi tiu envolvis sin per blanka vestaĵo kaj en la frosta aero eksonis kvazaŭ preĝeja sonorilo:

„La amo estas morto".

Nun reiris la saĝa reĝido al la reĝidino kaj kun brilantaj okuloj diris al ŝi:

„Multe mi vidis kaj aŭdis pri la amo kaj ĉiuj asertis la samon: la amo estas feliĉo kaj vivo. Ĉu vi nun volas fariĝi mia edzino?"

Kaj la reĝidino fariĝis edzino de l' reĝido.

El la estona: HILDA DRESEN

# PAĜOJ

EL MIA AGENDO

*1. marto*

„Strange malvastiĝis la rilatoj inter la popoloj, postkiam gravaj militoj skuegis la naciojn. Ŝajnas preskaŭ, ke la ideo pri universaleco de l' homoj estas anstataŭata en la nuna tempo per la ideo de naciemo malvaste limigita".

Ĉi tiun vorton diris antaŭ nelonge eminenta ŝtata viro. Se li estus prava, ni, Esperantistoj, nepre devus kontraŭbatali per streĉitaj fortoj ĉiun specon de milito, ĉar ĝi detruus la fundamentan principon de nia ideo, la universalecon de l' homaro. Tamen mi pensas, ke la ŝtata viro eraris. Li eraris funde, kontrastigante naciemon kaj universalecon. Mi diris jam unu fojon, ke ili ne estas du cirkloj ekscentraj, sed koncentraj. Plie la nuna tempo estas periodo de transiro. La lastan efikon de la universala milito, kiu cetere ankoraŭ ne finiĝis, neniu povas antaŭvidi. Ke dum kaj post tia batalego la nacioj pensas kolekti siajn fortojn, sin koncentrigi, vidigi sian nacian karakteron, tion mi trovas tre natura. Kredeble ili tion faras, por sin gardi kontraŭ novaj militoj. Ni trankvile atendu la lastajn konsekvencojn; mi ne supozas, ke la lasta fino estos malfavora al la universaleco de l' homaro. Fine eĉ mi ne kredas, ke dum la tielnomata postmilita tempo efektive malvastiĝis la interpopolaj rilatoj. Povas esti, ke pro la malfacilaĵoj de l' trafiko kaj pro aliaj kaŭzoj malgrandiĝis la nombro de la homoj, kiuj per vojaĝoj el unu lando en alian kvazaŭ enkorpigas la internacian rilataron; sed la *monda spirito* pli kaj pli ĝenerale, klare kaj insiste esprimas kaj *postulas universalecon.* Ni ne lasu nin konsterni per la nuna, eble tro nacia konduto de kelkaj popoloj. Tiaj ekscesoj iom post iom niveliĝos kaj restos prudentaj nacioj kiel plej bonaj garantiantoj de universala kulturo. Sen nacioj nenia internacieco! Kaj por eldiri mian plej internan kredon: sen la milito ni eble ne estus *atingintaj la nunan staton plenan de espero je universaleco.* Kelkfoje la Providenco ja aplikas strangajn rimedojn, por efektivigi siajn lastajn celojn. — Mi estas kontraŭ la milito en la sama senco, kiel mi estas kontraŭ tranĉado ĉe korpa malsano. Sed, se danĝera ulcero kreskis, ĝi estu ekstermata per ĉiuj taŭgaj rimedoj, se necese, eĉ per doloriga operacio; ĉar alie la tuta korpo povus veneniĝi. — Ne multe helpas grandaj vortoj, kiel ekzemple: militarismo, pacifismo, nacionalismo; ili estas malrealaj skemoj. Mi malŝatus eĉ la vorton Esperantismo, se en ĝi sin kaŝus io alia ol la sana, reala volo interkomprenigi la homaron ĝis nun surdemutan.

*Zanon*

# MONDLITERATURA OBSERVO

MARIE HANKEL

(okaze de ŝia 80-a naskiĝtago)

La 2-a de februaro estis la naskiĝtago de nia Esperantista Reĝino. Tiuokaze la 30-an de januaro n. j. multaj gesamideanoj el Dresden kaj la ĉirkaŭaĵoj estis alvenintaj por honori kaj solene festi tiun naskiĝtagon. La salono de Esperantista kunveno estis feste ornamita per standardoj, flagoj, girlandoj, verdaĵo, floroj, surkartonaj verkocitaĵoj de la jubileulino, por kiu estis preparita speciala seĝo-trono kaŝiĝanta en floroj. Ĉe la sciigo, ke Ŝia Moŝto la Reĝino venas, la muziko ekludas la himnon de la ĝojo. Ĉiuj stariĝas kaj ŝin salutas. Viciĝas paroladoj, gratuloj, bondeziroj, deklamaĵoj, kantoj, oni alportas al ŝi donacojn, la G. E. S. ŝin proklamas Honormembro kun speciala diplomo. Ĉiam vivĝoja, sana, ridetanta, Ŝia Moŝto estas emociita, kortuŝita ĝis larmoj de ĉiuj ĉi honoradoj, stariĝas kaj dankas, kore dankas ĉiuflanken . . . Ŝia modesteco similas kaj rememorigas tiun de nia Majstro.

La 2-a de februaro estis festita en parenca medio, kaj la 11-a de februaro denove en Esperantista — nun en ŝia propra — hejmo, kien estis invititaj trideko de

ĝesamideanoj. Jam ĉe la enirpordo oni sentas la esperantecon de tiu ĉi domo, kiu estas vera Esperantista hejmo. Tie ĉi en sia laborĉambro nia jubileulino estas ĉirkaŭita de plej diversaj memoraĵoj pri la granda afero, al kiu ŝi dediĉis dudekon da jaroj de sia surtera vivo. Grandaj ŝranko kaj bretaroj plenaj je libroj kaj gazetoj en ŝia amata lingvo, albumoj, kartoj, fotografaĵoj, tuta Esperantista muzeo, kie mi havis la feliĉon vidi multajn malnovajn verkojn, eĉ la unuan libron de dro Esperanto. En la domo estas ankoraŭ la ejo de nia ELA kaj tie ĉiulunde kunvenas la geanoj — pli vere la gefloroj — de la Orienta Grupo, fondita kaj prezidata de ŝi : la Orienta Rozo —, kie ĉiuj membroj havas florajn nomojn. Kvankam iom post iom retiriĝanta de la publika Esperantista agado — pro sia aĝo — nia kara reĝino ne ĉesigas la Esp. korespondadon, per kiu ŝi kvazaŭ donas rendevuon al siaj pensoj kaj aŭdiencon al multaj fremdlandaj kolegoj.

Post kantado komuna, al mi estis destinita la plezuro fari la ĉefalparolon, kiu jene resumiĝas:

„Vere, malmultaj homoj atingas tian malfruan aĝon, ankoraŭ pli malmultaj havas tian serenan vivon, vivonpoezion. Legante la aŭtobiografion de s-ino Marie Hankel, frapante aperas la pureco de ŝia koro, de kiu duon' batas por la rondo, duon' batas por la mondo. Prizorginte la unuan, la hejmon, ŝi avide sin donas al dua, al la homaro, kaj al ambaŭ ŝi servas kaj restas fidela.

Trastudante ŝiajn biografion kaj verkojn, oni rimarkas en ŝia vivo tri gravajn aferojn imitindajn:

1. *Amon* kaj *amikecon*. Kaj ilin ŝi havas al ĉiuj, al la gepatroj, al la edzo, al la infanoj, al la homoj kaj eĉ al la bestoj. Ŝi havas fortan fidon kaj restas fidela al ĉio, al la memoro de l' edzo, universitata profesoro Hermann Hankel, kiu mortas nur post kvinjara kunestado familia, kies memoron ŝi honoris per kunlaboro en lia biografio, kaj poste ĝis nun — tutajn 50 jarojn. Kiel trankvila devas esti la spirito de l' mortinto, kiel beata, sentante aŭ vidante la amon kaj fidelecon de sia edzino kara!

2. *Sciencon*. Ŝi volis scii kaj alvenas al Scienco. Edukante siajn du geinfanojn kaj poste ŝi okupiĝas pri religio, arthistorio, filozofio . . . serĉante la sencon de la vivo, anstataŭ sin doni al facilaj plezuroj. Post la malnova kaj nova testamentoj kun diversaŭtoraj komentarioj, vico da verkoj pasas sub ŝiaj okuloj. Ŝi ne nur studas kaj serĉas, ŝi ankaŭ laboras, kreas, helpas. Jen ŝi estas membrino de la societo „Etika kulturo por sociaj reformoj", poste al la liberreligia komunumo. Prof. Vilhelmo *Foerster* kaj dro Rudolfo *Penzig* fariĝas ŝiaj valoraj konsilantoj kaj amikoj, samkiel poste la sentima, verama teologo Eduardo *Rieber*. Simile al la unuaj kristanoj ili kunvenis, fortigis unu la alian per serioza kaj grava interparolado. Ŝi aliĝas ankaŭ al la forte ekfloranta Monista Unuiĝo. Ĉie ŝi estas fervora kunlaborantino, ĉiam kun ĝojo pri la naturo, arto kaj sienco, muziko kaj poezio, kaj antaŭ ĉio kun partoprenado en ĉiuj celadoj, kiuj helpas la bonfarton de la homaro . . .

3. *Espero* ŝin kondukas al *Esperanto*, kie ŝi trovas

> „la landon kun por ŝi florantaj floroj,
> kie varmege batas la koroj".

Jen kiel tio okazas: en la jaro 1902 ŝi legas en la berlina gazeto *Die Voche* artikolon de Alfredo H. Fried pri Esperanto. La afero ŝajnas al ŝi bona, ŝi decidas, ke ŝi okupos sin pri Esperanto, se ŝi estonte iom pri ĝi aŭdos. Nur tri jarojn poste, en 1905, kiam ŝi estis vizitanta siajn gefilojn, ŝia filo tute hazarde rakontas, ke unu el liaj kolegoj sin okupas pri Esperanto. „Jen la vorto, kiun mi serĉas!" — ŝi ĝoje ekkrias, tuj mendas la necesan lernolibron kaj ekstudas. Kvankam ŝi havis tre malmulte da tempo Esperanto ŝin tiom entuziasmigis, ke ŝi malgraŭ ĉio trovas tempon por ĝin funde ellerni kaj ĝi baldaŭ fariĝas ŝia laborkampo . . . la reston oni scias.

Sur tiu laborkampo, en la vasta Esperantujo, mi kiel simpla regnano havis la honoron kaj plezuron renkonti nian Esperantistan Reĝinon, konatiĝi, kunesti multfoje kun ŝi: Unue en Krakovo en 1912 dum la VIII-a Universala Kongreso, poste en la kunvenoj fandante la „I. A. E. V." en „E. V. A." kaj fine fondante la „E. L. A.". Glora tempo! En la fino de la sama jaro mi havis la honoron esti prezentita de ŝi al la L. K. En 1913 mi ĝoje revidis ŝin en Berno, dum la IX-a kaj en 1916 en Dresdeno ŝi publike alparolis min kiel germanan fianĉon, akcentante, ke la germanaj knabinoj estas kiel la fortikaĵo kaj oni devus havi apartan forton (aŭ allogon?) por preni ilin. (Verŝajne la forto de bulgara esperantisto estis sufiĉe granda por tio!)

Fine mi havas la specialan plezuron esti ŝia najbaro kaj ofte en ŝia hejmo, kie mi kvazaŭ en muzeo vidis la unuajn esperantajn librojn, sanktajn por ĉiu esperantisto, kaj en ŝia societo, kiel hodiaŭ vespere, kie mi el tuta koro elkrias kun ŝi:

> „Bonan akcepton al ĉiu venanto!
> Helpu, ni petas vin, al Esperanto!
> Ni ne postulas arĝenton kaj oron,
> Donu laboron al ni, kaj la koron."

Mi estus dirinta ankaŭ: al ĉiu *venonto*, ĉar rigardante la bonan sanon de nia estimata sinjorino Hankel, mi forte esperas, ke ŝi ankoraŭ longajn jarojn nin ĝojigos per sia ĉeesto. Kaj ŝi ne devas timi, se mi superos dron Arnhold en liaj antaŭdiroj — laŭ li ĉe la 90-a naskiĝtago ŝi estos proklamita honora membro de la Tutmonda Esperantista Unuiĝo kaj ĉe la 100-a tia de la tuta kultura homaro. Ne nur 100, mi antaŭdiras, ke nia granda samideano vivos milojn da jaroj, almenaŭ tiel longe kiel ekzistos Esperanto, ĉar ŝi vivos per siaj verkoj. Vivu ŝi feliĉe!"

La teokunveno daŭris de la 7-a ĝis la 11-a. Estis longaj parkeraj deklamoj, kantoj, dialogoj, eĉ teatraĵeto, entute neniam forgesota vespero, unu el la plej belaj el mia vivo.

*Iv. H. Kr-off*

## MIĤAELO BABITS

Tiu literatura movado kies anoj grupiĝinte ĉirkaŭ la revuo *Nyugat* (Okcidento), portis freŝan sangon en la, tiutempe iom maljuniĝintan, hungaran literaturan vivon havas apud Andreo *Ady*, kiel duan gvidantan figuron, Miĥaelon *Babits*. Liaj unuaj poemoj frapis per mirinda perfekteco de ekstera kaj interna formo, per la kapablo: fandi en sin ĉiujn epokojn kaj skolojn de *Horatius* tra *Wolfram von Eschenbach* kaj la *Parnasse* ĝis la kinematografio kaj respeguli ilin en la koloro de nervoza, febra kaj profundpensa artista individuo. Eble neniam tintis la hungaraj vortoj per tiel tiklantaj rimoj kaj facildanca ritmo, kiel en ĉi tiuj poemoj. Ĉi tiu granda form-lerteco faris lin ankaŭ fama tradukanto; liaj poemtradukoj, precipe tiu de la Dia Komedio de *Dante* kaj el *Baudelaire* estas majstraĵoj de la hungara traduk-arto. Sed ĉi tiun ludon, tiel belan kaj profundsencan ludon, kvazaŭ rompis la militio. En la teruro, per kiu ĝi obsedis la animon de Babits, kaj poste en la postmilitaj ĥaoso kaj detruoj, la rimoj eksilentis, la ritmo forviŝiĝis, la vortoj fariĝis kvazaŭ balbutaj, sed sub la disŝirita vesto de la versoj tiom pli ekmontris sin la nuda kaj vundita korpo de l' sento. Kelkaj tiaj poemoj per sia profeta kolero kaj Prometea furoro konsternas kaj katenas kun nekontraŭstarebla forto. Alifoje la melankolio trovas neforgeseblan esprimon: entute ĉi tiu esprimforto estas plej karakteriza por Babits. Li mirinde trovas la ĝustan stebon, kiam li brodas per silko kaj la ĝustan martelfrapon, kiam li ĉizas el granito. La sama koncizo kaj esprimĝusteco karakterizas ankaŭ liajn prozajn verkojn, en kiuj li estas majstro de la fea fantazio kaj hardelikata anim-analizo. La *Cikonikalifo*: fantazia rakonto pri junulo, staranta sur la pinto de l' vivo, bela, sana, talenta, riĉa, kiu devas vivi en sinsekvaj inkubsonĝoj la vivon de homo vulgara, mizera, malnobla, vivanta per trompo, kaj kiu pereas pro ĉi tiu fatala duobliĝo de sia vivo; *La filo de Virgil Timár*: sindona amo kaj sinofero de pastro al sia adoptita filo, en kiu li elvivas la potencan instinkton de maljuniĝinta viro al patreco; „La kartfortikaĵo": pesimisma pripentro de socia vivo en malgranda, subite elkreskinta urbo, kie ĉiu brilo estas falsa kaj ĉiu belo estas trompa; la epokrevivigaj noveloj (el kiuj estas ankaŭ tiu publikita en ĉi tiu numero) — montras

la saman frapantan tem-plekton, vivan kaj atent-ligan rakontmanieron, tra kiuj oni sentas la nervo-vibron de moderna poeto.

Kaj oni ne povas rigardi sen kortuŝo la poeton, kiu dum la milito, tiel terura por sia sento kaj intelekto, malsuprenvenis el sia eburturo por manifesti sian indignon kaj heroe elmeti sin al la sekvoj, kiuj lin frapis pro la deklaro de sia konvinkiĝo. „La ŝtato faris militon kaj mi estis pacifisto, ŝajnas, ke *mi* estis prava." Li diras en mallonga aŭtobiografia noto. *kr*

## LA ENIRO DE M. SADOVEANU KAJ O. GOGA EN LA RUMANAN AKADEMION.

En tiu ĉi jaro estis akceptataj en la Akademio Rumana la plej grandaj rumanaj poetoj vivantaj: Mihail Sadoveanu kaj Octavian Goga.

*Sadoveanu* estas sendube la plej forta kaj valorplena prozisto nuntempa, posedanta riĉan verkarton, fluan talenton en la plej bela kaj originala rumana lingvo. Li uzas tiun ĉi lingvon kun majstreco, havante delikatan senton pri ĝiaj harmonioj ĝis la lastaj subtilaĵoj. Kiel potenca prikantisto de la rumana pasinto, kiun li amas, kiel kverko sian radikon, kaj pentristo de la rumana tero kun riĉaj linioj kaj koloroj, Sadoveanu estas unu el tiuj, kiuj antaŭ la eterniĝo pere de la Akademio, jam akiris senmortecon ĉe la publiko lin adoranta. — En sia akcepta parolo li parolis pri la popola poezio kies riĉaĵoj nutras lian inspiron jam de dudek jaroj.

*Goga,* estinta ministro de l'kultoj kaj artoj, dum longa tempo sekretario-gvidanto de la grava rumana kulturasocio „Astra," estas la poeto de la suferoj de l'popolo kaj ĝiaj naciaj idealoj. — Farinte siajn studojn en Budapesto kaj Berlino, li fondis la revuon „Luceafarul" (matenstelo), kiu longatempe estis la standardo de la transilvania literaturo rumana. En 1905 aperis lia unua poemaro (Poezii), kiu estis premiata de la Akademio Rumana. En liaj unuaj poemoj, li aperis kiel la plej ŝatata poeto de la popolo, kun profunda amo pentrante la tipan bildon de la transilvania vilaĝo kun ĝiaj figuroj. Sed lastatempe li evoluis: el la batalinstiga kaoso li supreniĝis al la klareco de la filozofiema poezio, al filozofio trovita sur la vojo de sento, ne sur tiu de la teorio. Li estas eminenta ankaŭ kiel tradukinto de la ĉefverkoj de la hungaraj Petöfi, Madach kaj Ady.

*G. BUGARIU* (Bucuresti.)

## ALPHONSE DE CHATEAUBRIANT: LA BRIERE.

Antaŭ dekdu jaroj A. de Chateaubriant, juna kaj tiam ankoraŭ tute nekonata verkisto aperigis sian unuan romanon: *Monsieur des Lourdines,* kiu en 1911 gajnis la *Goncourt*-premion. Ĝi estas melankolia historio el la vivo de la franca vilaĝa nobelaro, kaj ankaŭ nun oni plezure legas ĝin. La aŭtoro de tiam silentis, eĉ en revuoj nenion li aperigis. Post tiu longa paŭzo, antaŭ kelkaj monatoj aperis de li nova romano, titolita *La Briere,* kiun la Akademio premiis jam antaŭ ĝia apero kaj kiu estas vendita jam en 248,000 ekzempleroj. Kvankam ĝi ne estas „moderna" romano. Ne estas en ĝi triangulo de amaj rilatoj. Ĝi estas romano de provinco, de la regiono Grand Briere, torfinsuloj ĉe la malsupra *Loire.* Ĉiuj figuroj de la romano estas reprezentantoj de ĉi tiu malhela kaj malseka regiono, ili vivas malproksime de la mondo, laŭ malnovaj tradicioj, laŭ la spirito de l' patroj, en batalo kun la nova mondo. Apartan, strangan idiomon ili parolas, kaj ĉar pro tio la libro ne estas facila legaĵo, kaj ĝi havas neniom da facila ĉarmo kaj sprito, tiom pli miriga estas la grandega sukceso de la libro. Kaj la romano estas senpolitika, ĝi ne estas skribita por flati kaj glori la provincon, eĉ, finfine la ĉefurbo triumfas super la provinco. Sed Chateaubriant estas granda artisto, kiu kelkfoje kun tre nigra pesimismo, sed per vere artaj rimedoj figuras la vivon, ne predikas moralon, sed rakontas kaj priskribas. Liaj vizioj pri pejzaĝoj, kiujn senĉese li plektas en la rakonton, havas profundan efikon per sia konstruo kaj per la beleco de sia kolorvaloro. Liaj homoj, en la humoro de ĉi tiu pezatmosfera, malseka turfregiono, vivas sian mankhavan, prematan vivon. Unu post alia viciĝas la homoj de ĉi tiu regiono kaj ĉirkaŭ ili, en klara desegno, kuŝas la vilaĝo, la domo kaj ĉio cetera. Kaj la ĉefheroon, dik-ostan, pezpaŝan kamparanon la franca kritiko mencias kiel neforgeseblan figuron de la franca rakonta arto. *(lc)*

## DOBRI NEMIROV: LA MALRIĈA LUKA.

Unu el la bulgaraj junaj kaj simpatiaj verkistoj, Dobri Nemirov, publikigis antaŭ nelonge malgrandan libron — psiĥologian etudon — titolitan „Bednija Lika" — (La malriĉa Luka), kiu faris tre agrablan impreson al la bulgara publiko. Jen la enhavo:

Malriĉa fotografisto, modeste kaj pene vivanta kun sia edzino kaj knabeto, sin vidas iun tagon posedanto de granda sumo de bankbiletoj, apartenanta al organizaĵo. Tiu ĉi sumo enfermita en malgranda kofreto, estas konfidita al li de amiko, revoluciulo, kiu foriras batali por la rajtoj de subpremitoj kaj kiu rekomendis al la fotografisto transdoni tiun ĉi kofreton al lia frato, se li mem ne revenos.

La malriĉa Luka, tre fiera pri tiel granda konfido, proklamas ĉiumomente sian honesteeon antaŭ sia edzino, Milica, — pozitiva kaj praktika persono, kiu ne tro estas entuziasmigata de la honesteco de sia edzo. Kontraŭe, ŝi trovas lin stulta! Post kiam ŝi ĉiutage rigardis, tuŝis, pezis la kofreton, turnante ĝin ĉiuflanken kaj supozante la sumon, kiun ĝi povus enteni — verŝajne tutan riĉaĵon — Milica proponas al sia edzo preni la duonon de la bankbiletoj. Kiu scios pri tio? La edzo energie protestas proklamante ankoraŭ foje sian honestecon, sed de tiu ĉi momento li estas maltrankvila, turnante sin senĉese ĉirkaŭ la kofreto, ne kuraĝante preni la monon, kiu certigus al li vivon riĉan kaj feliĉan kaj tamen tremante ĉe la penso, ke iun aŭ alian tagon oni venos serĉi kaj forporti tiun riĉaĵon. Instigate ĉiutage de sia edzino, li ankoraŭ rifuzas, sed mole, malfermi la kofreton. Li ne povas decidiĝi . . . Tiam lia edzino ĉesas paroli al li, ŝi eĉ ŝajnigas ne plu sin okupi pri tio kaj reprenas siajn kutimajn serenecon kaj trankvilecon . . . Subite, iun vesperon oni frapas sur la pordo. Estas la frato! Li venas serĉi la monon deponitan de la revoluciulo, mortpafita en batalo. La fotografisto, neniigita, sufokita, estas devigita redoni la kofreton. Restinte sola kun sia edzino, li rakontas al ŝi sian malesperon: esti lasinta forflugi la riĉaĵon, des pli ke la frato konfesis al li, ke li ne sciis la grandecon de la sumo enfermita en la kofreto. Lia edzino diras nenion. La kvaran tagon, post la redono de la kofreto, vidante sian edzon frapita de ĉagrenoj, ŝi diras al li subite, ke ŝi prenis la duonon de la sumo. Ŝi montras al li la bankbiletojn kaj la oron kaŝitan sub la matracoj . . .

Tiam, la feliĉa vivo komenciĝas. Oni ne plu sentas mankojn kiel antaŭe. La tablo estas bone provizita, oni revas pri moderna fotografejo instalita en Sofia kun komforto . . . Tamen, Luka sentas en stranga maniero sian feliĉon. Li estas feliĉa, sed estas io en li, kio ne marŝas. Lia sano malfortiĝas, lia vizaĝo malgrasiĝas, li ne havas apetiton . . . Penso lin minas . . . Ĉu tio ĉi estas pro la neatendita riĉaĵo, ĉu estas pro la sento de la malbona ago farita? Iun tagon, sidiĝinte pale kun stranga aspekto, antaŭ la tablo superŝarĝita de abundaj allogaj manĝaĵoj, li anoncas al sia edzino, ke li decidis aĉeti ankaŭ pianon por sia estonta fotografejo . . . Li ne povas fini . . . Li falas fulmofrapite teren . . .

Jen! Tio ĉi estas la impreso, kiun lasas la rakonto de Dobri Nemirov, publikita ankaŭ franclingve. En tre riĉa, kolora bulgara lingvo skribita, tiu ĉi novelo havas psiĥologion kaj tre belan komprenon de la homa animo.

*I. H. K.*

## NOVA BULGARA DRAMO.

Ĝis antaŭnelonge loĝis en Germanio la plej konata bulgara lirikisto Kiril Ĥristov. De Jena, kie li kuracis mortminacan malsanon, li translokiĝis en Leipzig-urbon, kun kiu lin ligas memoroj pri iam pasigitaj kelkaj momentoj kun alia fama bulgara poeto, nun mortinta, Penĉo Slavejkov.

Per siaj kvin teatraĵoj, el kiuj la ĉefaj estas „La maljuna militisto" kaj La filino de Oĥrido" kaj precipe per

siaj lirikaj versaĵoj, kolektitaj en ampleksa Antologio, Kiril Ĥristov altiĝis ĝis la plej alta loko de la bulgara literaturo.

En Jena li konceptis kaj komencis novan verkon, kiun li en Leipzig finis: *Sub la steloj*, teatraĵo en tri aktoj. Tiu ĉi teatraĵo meritas la intereson de la literatura mondo ĝenerale. Sub plej simplaj aspektoj, la dramo estas unu el la plej komplikaj.

Kvin personoj estas sur la scenejo kaj la ago disvolviĝas en 12 horoj: de la vesperkrepusko ĝis la mateniĝo. La intrigo estas pure drama.

La juna kaj bela filino de bulgara riĉulo, la gracia Ceca havas du kandidatojn: Toto, elegantan belulon kaj diplomaton de brilantan kariero kaj Pano, junan, humilan, iom vestonegliĝan grandan scienculon. La unua havas ĉion, kio povas allogi la junan knabinon. La dua, post sia kiom surpriza tiom originala amdeklaro, ricevas rifuzon. Kontraŭe, la diplomato, post manovro inda je lia kariero, ricevas la konsenton de la knabino. La dramo prezentas al ni, en tiu momento, tri homestaĵojn plenajn je vera, temperamento.

Dum la diplomato Toto estas tre certa pri sia venko, restante kun siaj du piedoj sur la tero, la spirito de la filozofo kaj astronomo Pano vagas malproksimen de nia planedo, inter la stelojn kaj vivas en la perspektivoj de la grandaj sunoj. De tie li rigardas la homojn kaj iliajn malkuraĝajn kaj vanajn celadojn, kaj de tie li ĉerpas sufiĉan forton por trankviligi la doloron de la mizeruloj kaj la malfeliĉojn de la popoloj. La bona kaj malavara sciencul o gajnas la estimon, la amon de ĉiuj, eĉ de Ceca mem, kiu sigelas sian profundan amon al li per kiso en la sama tempo, kiam ŝi donas sian konsenton al la diplomato. Tamen la amo de Ceca al la sciencu lo ne estas de tiu ĉi mondo. De tie devenas la peniga lukto inter la *mio* surtera kaj la *mio* spirita de plej noblaj estaĵoj.

La bulgara dramaŭtoro, en sia lasta kreaĵo, ŝajnas purigita, kiel Faŭsto en la dua parto, nova Faŭsto, kies animo estas renovigita, purigita per la travivita teruro, kiu sin trempis en la diafanajn akvojn de Letho kaj estas redonita denove al la sankta lumo.

En tiu ĉi teatraĵo ne estas plu estaĵoj, kiuj mortigas sin, abomenante la malpuraĵojn de tiu ĉi vivo; ne estas herooj, kiuj, lacaj de pasio subkonscia, frakasitaj sub la pezo de sia sorto venenas sin, kiel estas ĝenerale en la aliaj verkoj de Kiril Ĥristov.

Malproksime de la intrigoj kaj politikaj luktoj de sia lando, la poeto ekvidas novan mondon, similan al la nia, sed perfektigitan, kie la envio kaj la malamo ne plu tentas la homojn, kie la popoloj ne vivas plu per mensogo kaj detruo. Sonoriloj de paco sonoras dum la tuta daŭro de la teatraĵo. sen mikso de freneza venk-ebrio, paco plena de mezuro kaj rezigno. kiujn nia mondo estas ankoraŭ lernonta, se ĝi volas atingi veran progreson. Tie ĉi, sub la steloj, ĝi ankoraŭ ne ekzistas, sed tie, apud la steloj, ĝin vidas la okulo de l' genia revanto.

Pri similidea grandnovelo, titolita „La dezertigita Paradizo", de alia bulgara verkisto, nun tradukata en Esperanto, ni parolos alifoje. Nun ni volas nur atentigi pri la fakto ke malgraŭ la nunaj politikaj cirkonstancoj, kaj verŝajne ĝuste pro ili, pli kaj pli da similaj verkoj aperas, precipe en la literaturoj de la orient-slavaj popoloj. Estiĝas kvazaŭ la tempo de la lukto de l' ideoj, kaj ni rajtas esperi, ke venkos la vero, helpante al tio laŭ nia povo.

*I. H. K.*

# BIBLIOGRAFIO

### ELIN PELIN: LA FAMILIO GERAK

El la bulgara: *Atanas D. Atanasov*. Esp. Koop. Soc. Sofia. Pr. 2·5 fr. fr. aŭ egalvaloro.

La rakonto per sia freŝa stilo, viglaj priskriboj, interesaj popoltipaj karakteroj ĉenas nian atenton ĝis la finlego. En la disfalo de familia kunvivo, kiun per forta mano kuntenis ĝis sia morto prudenta kaj energia virino, ni vidas la morton de la malnovaj patriarkaj moroj. Kelkaj tipoj neforviŝeble restas en nia memoro, la bonanima, sed malforta, maljuna Gerak, la kruda, memama kaj avara Boĵan, la facilanima kaj drinkema Petr kvazaŭ staras antaŭ niaj okuloj. Kaj la martirvivan Elka — ankaŭ sub la objektiva rakontmaniero — la aŭtoro povas ĉirkaŭi per sia kaj nia kompato kaj kortuŝo. Mia bona sento estis post la lego, ke jen, mi ekkonis pere de Esperanto unuarangan verkiston.

Pri la traduko mi rimarkas, ke ĝi estas unu el plej bonaj. Mi ne konsentas ĉiam kun la tradukisto, sed liaj kelkaj strangaĵoj ne plu ĝenis min, kiam la rakonto jam ĉenis mian atenton. Mi diru tamen, ke „ci" ŝajnas al mi superflua, precipe uzite en imperativo: „ci ne enmiksu cin", ke „tenere" ŝajnas al mi ne necesa vorto, ke kelkfoje en la dialogo mi ne sentis la popolan guston, pli ĝuste mi sentis nepopolan guston kaj, precipe, min ĝenis la oftega nenecesa uzo de „ad", kiun la tradukinto aplikas tute sen bezono, preskaŭ post ĉiu verbo. Tio kvazaŭ peza balasto trenas malsupren la verbojn, longigas la vortojn kaj efikas monotone. Mi tre petus la tradukinton, ke en eventuala dua eldono li prenu ruĝan krajonon kaj forstreku 99 procentojn da ili.

### HO TIUJ FREMDULOJ

opereto de *Feliks Hiller*. Eldonis Ŝapiro Lipowa 33, Bialystok

Estas certe interesa, ĉar unua provo en Esperantujo, ĉi tiu Esp. opereto. Mi mensogus dirante, ke ĝi estas literatura ĉefverko, sed montru al mi opereton, kiu estas tia. Lunlumo, amo, anglo, hungaro, ĵaluzo, facila konflikto kaj bona fino — kion vi volas pli multe? La opereto estas ja naskito de la facila Muzo, kiu havas ne kotornojn, sed malpezajn dancŝuojn kaj anstataŭ liro — kastanjeton. La lingvo certe bezonas ankaŭ la esprimnuancojn de ĉi tiu facila arto kaj tial ĝoje ni salutu la kuraĝan provon. Sed por montri direkton, ni atentigas la aŭtoron pri la versoj de *Raymond Schwartz*, kiu tiel sukcese enplantas la facilan spriton en nia ĝardeno literatura.

La stilo estas bona. La kantotekstoj estas bone kanteblaj, sed, precipe la priesperantaj, ne diras ion novan. Plej plaĉa estas la „Balado pri la Luno". La melodioj, donitaj en aldono, estas facilaj kaj sufiĉe melodiaj. Rememoroj ne mankas, sed montru al mi operetmelodion, en kiu ne estas rememoroj.

### PENSEROJ

Dua kajero. Kompilis *Salo Grenkamp Kornfeld*.

Utilaj, saĝaj, spritaj, famaj diroj de famaj homoj, inter. ili ankaŭ kelkaj diroj de Esp. eminentuloj. Bona stilo. Uzebla libreto.

### LEO TURNO: KOMPLETNI PODRECZNIK ESPERANTO

Sepdekpaĝa gramatiko por poloj. Pri detala recenzo ni ne estas kompetentaj, ĝi ŝajnas bone uzebla lernolibro.

*(las)*

# ERARO — KOREKTO

Kun senpova ĉagreno antaŭ la malica volo de l' preserardiablo ni petas la legantojn pri jenaj korektoj: 1. En la unua numero, en la poemoj de *Solovjev* ensoviĝis preseraroj, el kiuj unu estis en la dua numero erare korektita (!) La respektiva duonstrofo tekstas (numero 1. pĝ. 9.):

Mi *gajis* eĉ sen groŝo
En pantalona poŝo.

2. En la dua numero okazis malfeliĉoj pri la nomo de anglaj grafikistoj (pĝ. 29.). Anstataŭ „Muirhead *Rone*" legu ĉie (ankaŭ en la bildotitoloj!): Muirhead *Bone;* anstataŭ Mac *Laughlau* legu *Laughlan;* anstataŭ Alfed *Cast* legu Alfred *East*. Slade *Shool* estas erare presita anstataŭ „Slade *School*".

3. La tradukinto de la skizo „Netuŝita" en la dua numero estas ne Fr. *Halm*, sed Fr. *Hahn*.

4. Kompreneble la muzikon de la *Cavalleria Rusticana* (dua numero, Bibliografio) verkis ne *Puccini*, sed *Mascagni*.

# RENOVIGU VIAN ABONON SENPROKRASTE!

ABONU

# La Progreso

oficialan organon de Ĉeĥoslovakia Asocio Esperantisto Ilustrita

## Aperas regule monate

Ĵus aperis la 1-a n-ro de la VII. jarkolekto

**Enhavo:**

Literaturaĵoj. Sciencaj artikoloj. Informoj pri malgrandaj nacioj. Artikoloj pri ĉeĥa vivo. Sciigoj pri gravaĵoj de la tutmonda kaj ĉeĥoslovaka movado Esp. Lingva Fako. Tradukaj konkursoj kun libraj premioj ktp.

**Jarabono (por 10 n-roj):**

Por Ĉeĥoslovakio 20 Kĉ — por malbonvalutaj landoj 15 Kĉ (3 sv. fr.) — por la ceteraj landoj 25 Kĉ. (6 sv. fr.)

Petu pagilon de la Poŝta Ĉekoficejo Praha aŭ sendu monon en rekomendita letero.

Redakcio kaj administracio:

**Praha — VII. Socharska 333.**

---

**S E N S A C I O**

**DE NIA LITERATURO**

ESTAS LA DU LIBROJ:

JULIO BAGHY:

**PRETER LA VIVO**

poemkolekto de la poeto

| | |
|---|---|
| Simpla, bela eldono ... ... ... ... ... | 1 sv. fr. |
| Luksa eldono ... ... ... ... ... ... | 2 sv. fr. |
| Numeritaj ekzempleroj ... ... ... ... ... | 5 sv. fr. |

*

ALEKSANDRO PETŐFI:

**JOHANO LA BRAVA**

Popolfabelo en versoj

trad. K. de KALOCSAY

| | |
|---|---|
| Simpla, bela eldono ... ... ... ... ... | 1 sv. fr. |
| Luksa eldono ... ... ... ... ... ... ... | 2 sv. fr. |
| 50 numeritaj ekzempleroj kun 4 kvarkoloraj ilustraĵoj, po ... ... ... | 5 sv. fr. |
| 30 numeritaj ekzempleroj kun 8 kvarkoloraj ilustraĵoj, bindite ... ... | 10 sv. fr. |

*Sendu la abonprezon en naciaj bankbiletoj aŭ iel ajn al*

**„LITERATURA MONDO"**

BUDAPEST VI, ANDRÁSSY-UT 81 (HUNGARUJO)

---

ANONCOJ:

GRANDAJ LAŬ INTERKONSENTO!

MALGRANDAJ:

PO DU ENPRESOJ LA PREZO DE UNU NUMERO!

PAGO NEPRE ANTAŬE!

---

**INTERNACIA MEDICINA REVUO**

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO BUDAPEST VI, TERÉZ-KÖRUT 4

**OFICIALA ORGANO DE T. E. K. A.**

Esperantistaj kuracistoj nepre abonu ĝin!

---

**ĴUS APERIS**

# MODERNAJ ROBINZONOJ

aventura vojaĝpriskribo

de

**TEODORO SCHWARTZ**

Mendebla ĉe Lit. Mondo **PREMIITA!** Rekomendita de E. L. A.

**PREZO UNU SV. FRANKO AŬ EGALVALORO**

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró